XXII^a^ jaro. N^o^ 310 (6) ☆ Monata ☆ Junio 1926

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15^a^ de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| **Simpla abono** | 10.— Fr. Sv. |
| **Kun la membreco de UEA** | 12.50 Fr. Sv. |
| **Unu numero** | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

☆

REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Anonco** (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| **Korespondado** (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv |


ENHAVO



## Esperanto tuj utila.

Tio estis la celo mem de Hector Hodler, kiam li fondis UEA, ke nia lingvo povu tuj utili al homoj, ne nur doni esperon pri iama utileco, kiam ĉiuj lernos ĝin devige. Jam pasis unu generacio kaj longa sperto akiriĝis Ĉu la celo montriĝis atingebla?

La instruo de la jaroj estis la jena: S k r i b e Esperanto kapablas utili tuj por informiĝo eksterlanda aŭ por rapida disreklamo tutmonda, sed p a r o l e ĝi servas ankoraŭ multe pli aktive kaj tie ĝuas eĉ unikan situacion.

Kial? Ĉar legi fremdajn lingvojn scias sufiĉe multaj personoj. En ĉiu komerca firmo ekzistas oficistoj eĉ devige kapablaj tion fari Presaĵo en angla, franca aŭ germana lingvo povas trovi milionojn da legantoj. Kun sia riĉega literaturo kaj multnombra legantaro, la grandaj kulturlingvoj komprenebIe havas vastan povkampon, kiun Esperanto povas egali nur post oficiala deviga instruo.

Sed p a r o l i fremdajn lingvojn, tion povas nur tre malgranda kvanto da homoj kaj tie Esperanto prezentas tujan superecon de rimedo nediskuteblan. Jen rimarkinda ekzemplo: Antaŭ kelka tempo vizitis nian oficejon en Genève konata amerikanino, kiu fondis organizon por konigi al siaj samlandaninoj la eŭropajn popolojn kaj akceli internacian amikiĝon.

Ĉiujare ŝi gvidas al nia malnova kontinento diversajn karavanojn de kleraj virinoj, deziremaj ion ekscii pri francoj, italoj, germanoj, slavoj, hungaroj, skandinavoj. Ili dum kelkaj semajnoj vojaĝadas, vidas monumentojn, muzeojn, kastelojn, aŭdas klarigojn de profesiaj gvidistoj en kripligita angla lingvo, sed la popolojn mem, la homojn de tiuj diversaj landoj ili povas nur rigardi en stratoj tute simile kiel sovaĝajn bestojn en zoologia ĝardeno, ĉar ili ne povas interparoli pro nescio de lingvoj kaj nehavo de konatuloj ĉie.

Do kie estas la vera kontakto, la ekkono kaj interamikiĝo kun ceteraj popoloj, kiun celas la asocio? Tie Esperanto estas vera savilo, ĉar ĝi povas doni la du mankantajn necesaĵojn, antaŭ kiuj eĉ la potenca angla lingvo restis nesufiĉa. Lernokurso kaj aliĝo al UEA faras la miraklon.

Nun la asocio decidis ĝin oficiale provi. Dum la vintro okazos kursoj en New-York, en Philadelphia kaj Chicago. Amerikaj virinoj lernos nian lingvon, aliĝos al UEA kaj, venontan someron, ni aranĝos ilian vojaĝon en Eŭropo kaj klopodos, ke ĉie ili renkontu, ne nur sindonan delegiton pretan ilin gvidi, sed grupon da afablaj esperantistinoj emaj interparoli kaj promenadi kun ili en siaj urboj kaj vilaĝoj. Poste la asocio komparos la rezultaton de tiu karavano kun la ceteraj kaj ĝi povos decidi por venontaj jaroj kion fari plue.

Kiu ŝatas la ideon kaj deziras inviti la karavanon al sia loko skribu al ni

El tiu ĉi ideo povos eble elkreski grandioza afero kaj iom post iom organiziĝi vasta sistemo de efika interkonatiĝo per studvojaĝoj en ĉiuj landoj per Esperanto. En Edinburgo la kongreso povus eĉ diskuti tion pli detale.

*Edmond Privat.*

# EL NATURO KAJ SCIENCO

## Tra la ĉielo.

La filozofo *Immanuel Kant* skribis: „Du aĵoj elvokas la plej grandan admiron: morala leĝo en ni kaj steloplena ĉielo super ni". Kaj vere, kio estas pli majesta, pli impresiga, ĝis la profundo de l' amo, ol la senfina antaŭnokta ĉielo, en kiu reaperas unu post alia la steloj, silentaj steloj, trembrilantaj, kvazaŭ ion dirantaj al ni.

La nuna kultura kureganta vivo, precipe en la urboj, ne permesas al ni tiun lukson de l' kalma observado kaj medito, kiun ĝuas nekulturuloj, kiun havis niaj prapatroj. Se atmosfero de nia urbo ne estas fumoplena, la elektro en niaj stratoj duonblindigas nin. Ni scivolas pri montro-fenestroj de la butikoj, ni nin gardas de l' aŭtoĉaroj, bicikloj, preterpasantoj, kaj la ĉarmo de l' komenciĝanta nokto pasas ekster nia atento. Sed rememoru viajn infanajn jarojn, kiam vi avidis al la ĉirkaŭa mondo, aŭ viajn libertempojn, kiam vi estis en la kamparo aŭ ĉe la maro — eble vi ekmemoros tiun mistere belan senton kiu vin kaptis, vin rigardantan la ĉielon komencantan esti „steloplena ĉielo". Kaj pensu nur ke la samajn stelojn vidis niaj patroj, prapatroj, ke la stelaj figuroj ne ŝanĝiĝis por la homa okulo dum lastaj jarmiloj, kaj pro tio nomo mem de la ĉielo kaj de la stelo signifas „eterna, ĉiama, sama".

La astronomio, la unua homa scienco, ekzistas pli longe ol la historia memoro. Ne estas senmotiva do la demando: kion ni povas scii pri la steloj, pri la ĉielo en ĝia tuto, pri la universo?

Delikataj mezuroj de l' astronomoj supozigas, ke la steloj distancas de nia tero preskaŭ senfine, ĉar el multaj miloj da steloj, bone konataj, nur kelkdek estas mezureblaj laŭ la „paralakso", t. e. angulo korespondа al la interspaco kiu apartigas la stelon de la tero. La plej proksima al ni stelo, *Alfa de Centaŭro,* estas tiom malproksima, ke la lumo bezonus pli ol 3 jarojn por trairi la interdistancon de l' stelo al la tero. Kaj la lumo translokiĝas pli rapide ol la sono kaj ol la elektro, ĝi rapidas 300 000 kilometrojn en unu sekundo!

Astronomoj eltrovis, ke nia suno estas nur unu el la steloj, ne la plej granda; ke plimulto da steloj, kiujn vidas nia nuda okulo, apartenas al „nia stelamaso", kies profilo aperas kiel „Lakta Vojo". Kaj ekzistas aliaj stelamasoj, tre multaj, kiuj naĝas en la kosma spaco kiel meduzoj en oceano.

Nuna astronomio venis al koncepto pri „insuluniversoj" aŭ universoj-insuloj" kiuj aspektas por ni kiel nebulecaj makuletoj, pli aŭ malpli etaj, laŭ la teleskopo. En „nia universo" („Lakta Vojo") ekzistas multaj miliardoj da steloj, kies distancoj estas mezureblaj aŭ nemezureblaj, sed ĉiukaze esprimeblaj per dekoj, centoj aŭ miloj da „lumjaroj". Sed la „fremdaj universoj" (nebulozoj, stelamasoj), kies nombro superas centmilon, estas malproksimaj je milionoj da lumjaroj.

Laŭ la klasika astronomio, depost *Isaac Newton,* oni havis kiel aksiomon la tezon, ke la kosma spaco estas senfine vasta, senlima. Por adeptoj de *Einstein,* male, la kosma spaco estas limigita, kaj ĝi havas formon de kvardimensia hipersfero, aŭ de cilindra tempo-spaco, formo iom malfacila por imago, ĉar nia cerbo pensas nur „tridimensie".

Sed tiuj teoriaj diskutoj pri la limoj de l' kosma tuto alproksimiĝas al la ridindaĵo. De l' granda al la ridinda estas nur unu paŝo! Nia spirito ne kapablas kompreni kiel la „malplena spaco" povas havi la limon, kvazaŭ muron, post kiu ne plu estas la spaco! Kaj la scienca spirito rifuzas kompreni, ke iu spaco povas esti „malplena", „kun nenio"!

La astronomoj *Seares* kaj *Van Rhijn* trovis, ke en „nia universo" cirkulas 35.000.000.000 steloj, kiuj okupas diskoforman spacon kun diametro je 300.000 lumjaroj.

La astrofotografio eltrovas milojn da aliaj „universoj" similaj je la nia, kiuj „flugas" en la spaco kun rapideco de 500, 1000, 2000 kilometroj sekunde! Por manumi tiomegajn ciferojn la astronomoj elpensis novan longomezuron, „parsekon", kiu egalas distancon traireblan de la lumo dum 3,25 jaroj, t. e. ĉirkaŭ 26.000.000.000.000 kilometrojn. La astronomo *Kapteyn* elkalkulis, ke en ĉiuj 1000 kubaj parsekoj da kosma spaco troviĝas materia maso meznombre okdekobla ol la sunmaso. El tio li konkludis, ke la kosma diametro estas mezurebla je pluraj kvintilionoj da kilometroj.

Astronomo *Seeliger,* en 1895, rimarkis, ke la nombro da steloj ne povas esti senlima ĉar senlima nombro da steloj havigus senlime grandan altirenergion (gravitadon), kiu reale ne estas. Pli frue alia astronomo *Olbers* argumentis jene: se la nombro da steloj estus senfina, la tuta ĉielo aspektus ĉie brilega, sen nigraj interspacoj; tio ne estas, do la nombro da steloj estas limigita.

Al tiuj konsideroj oni prave respondis per teorio de „universoj-insuloj", kies gravita kaj luma energio estas ĉirkaŭlimigitaj pro la kosma absorbado. Krom tio, certe ekzistas „nigraj" astroj kaj „malvarmaj" steloj, kies influo aliigas efikon de la gravitado.

Du malvarmaj senlumaj astroj, kuregantaj tra la spaco, renkontas unu la alian: okazas grandioza

kunpuŝiĝo, ŝoko, kaj la kolosa kvanto da varmego transformas la du „nigrajn“ korpojn en unu „nebulozon“, alttemperaturan gasan mason. Tiel naskiĝas nova universo, tiel eklumas — por niaj astronomoj — nova stelo. Ĝenerale, tiu nebulozo turniĝas laŭ spiraloj. Forpasas miriadoj da periodoj. En la gasa maso formiĝas densaĵoj, nodoj, altircentroj, embrioj de estontaj „sunoj“. Tiel la nebulozo transformiĝas en stelamason. Ĉirkaŭ ĉiu „suno“ sammaniere formiĝas sunetoj, estontaj „planedoj“, kaj ĉirkaŭ ili — estontaj „satelitoj“, „lunoj“. Sur malvarmaj planedoj, varmigataj de la sunoj, aperas kaj evoluas la vivo. Sed malvarmiĝas la sunoj, mortas la vivo planeda. Aroj da nigraj frostaj buloj daŭrigas sian cirkuladon kaj turniradon. Ĝi estas tombaro de l' universo, tombaro, kiu kuregas tra la „malplena“ spaco, ĝis — post neimagebla nombro da kosmaj periodoj — ĝi ree renkontos alian „tombaron“, por ree eklumi.

Tiel vivas la Kosmo, balancata per miriadoj da naskiĝoj kaj mortoj de l' universoj. Kaj etajn simbolojn de tiu grandega kosma ekzistado ni ĉiupaŝe retrovas sur nia malgranda tero: en ĉiutaga kuŝiĝo kaj leviĝo de la suno, en sinsekvo de jartempoj, en morto kiu ĵetas kadavrojn al la sterko el kiu morgaŭ elrampas disfloro de nova vivo.

La ĉielon do ni retrovas sur la tero en ĝiaj eternaj fenomenoj, ĉar la tero estas iama suneto, ereto da universo, ĉar la tero estas la ĉielo.

*S. R. Palaĉori.*

## La suno mortanta.

*Hans Windisch-Sartowsky.*

Kiam la suno tuŝis la nubojn ĉirkaŭantajn la horizonton, tiam ĝi eksciis, ke ĝi nun devas morti. Nur unu tagon ĝia vivo daŭris, sed tio estis tago plena de klareco kaj varmo. Al miloj da malesperantaj koroj ĝi estis radianta novan esperon: al miloj da malriĉuloj ĝi estis donanta panon. Pensulojn ĝi inspiris, kaj revojn ĝi donacis al la poetoj. — Nun ĝia kapo kliniĝis, kaj ridetante ĝi salutis altaĵon de la montoj:

„Adiaŭ, kamparoj, adiaŭ riveroj. Sur viaj ondoj mia lumo kantis orajn melodiojn. Mi amis vin, kaj denove vin amos, kiam komenciĝos por mi horo de l' nova vivo. — Ĉar eĉ morto estas vivo. Morto estas vivo dormanta. Kaj ĉiu vivo estas eterna.“

Kolorigante purpurruĝete la ĉielon per sia sango fluetanta el vundo mortigonta, ĝi pensis pri sia junaĝo, kiam ĝi, rozornamita, suprenleviĝis el la sino de l' montoj. Sopiro ekestis, instigante deziron morti rozkronita. — Palpante en la purpuran profundecon de l' atmosfero ĝi ekkaptis rozojn ardantajn. Feliĉege ĝi ornamis sin kaj superŝutis per ili arbarojn kaj riverojn. Poste ĝi alvokis la ventojn, por ke ili preparu la funebran feston. Ili suprenŝiregis el malhelegaj profundaĵoj fajregojn kaj ilin ĵetis inter la nubojn, kiuj ekbruliĝinte lumegadis.

Rozkronita, ĉirkaŭflamigata la suno mortanta malsupreniĝis, kaj brilo de beleco ankoraŭ kuŝis sur tero, kiam la suno jam delonge ne plu estis. . . . .

## La lasta Tasmaniano.

En Tasmanio, tiu aparta angulo de la terglobo, loĝis dum nekalkuleblaj epokoj gento, kiun, dum malmulte da jaroj, la blankuloj forigis por ĉiam for de vizaĝo de la tero.

En Tasmanio la fantomrakontoj abundas. Spiritoj de punlaboruloj kaj vojrabistoj, laŭ tieaj legendoj, revizitas scenejojn de siaj suferadoj kaj pekoj. Malfruiĝintaj vaguloj aŭdas tintegojn de katenoj kaj siblon de vipego, kaj fantomaj radoj klakas sur de longe malaperintaj reloj kie malliberuloj de Port Arthur iam tiris ŝarĝvagonojn. Sed en neniu el tiuj rakontoj estas mencio pri spiritoj de indiĝenoj tasmaniaj. Ŝajne eĉ iliaj spiritoj pasis for de la lando kiun ili posedis.

Malmulte da kranioj kaj skeletoj en muzeoj kaj kolektoj de Hobart ĝis Berlin kaj New York, iom da postsignoj de indiĝena sango en „miksrasuloj“ de insuloj de Bass-Markolo kaj en iom da familioj aliloke, iom da neplenaj vortaroj, hazardaj kolektoj de krudaj iloj kaj bataliloj, rubamasoj ĉe marbordo, ostrokonkaj restaĵoj de pratempaj festenoj, — ĝi estas ĉio, kio restas por ni de tiu unika gento kiu tute ekstermiĝis dum moderna tempo.

Ekzakta dato kiam forpasis tiu gento estas necerta. Historiistoj rakontas, ke Trucannini mortis ĉe Hobart en 1876, vane petegante, ke oni enterigu ŝin apud la montaro anstataŭ distranĉi ŝian korpon por kontentigi scivolemon de la scienco. Ŝi estis lasta pursanga tasmania indiĝenino. Lasta virseksa pursangulo, William Lanne, mortis sep jarojn pli frue pro trodrinkado de rumo, kaj oni ŝtelis lian kadavron el tombo.

Sed ekzistas motivo por kredi, ke S-ino Seymour, kiu mortis ĉe Hog-Golfeto de Kengura Insulo en 1909, 33 jarojn post morto de Trucannini, estis efektive lasta ano de sia raso. Ekzistas longa interspaco inter Tasmanio kaj Kengura Insulo, sed antikvaj ĉasistoj de fokoj ĉe Port Dalrymple kutimis aĉeti aŭ ŝteli tasmaniajn virinojn kaj tien alporti ilin S-ino Seymour tiel estis forportita dum ŝi estis juna knabino. Sudaŭstralio tial havas sur Kengura Insulo, iom da loĝantoj parencaj kun tasmaniaj indiĝenoj. Troviĝas en Melbourne pli ol unu familio havanta tasmanian indiĝenan prapratrinon.

Oni nur tro bone scias, kiel tasmanianoj malaperis for de sia lando. Estas terura rakonto pri sango kaj abomeno de kruelaj perfortaĵoj kiujn faris malnobla speco de blankuloj, kaj de barbaraj kaj sendistingaj revenĝoj, ĝis en 1831 kaj 1832 oni amasigis malmultajn postvivantojn kaj sendis ilin al Flinders-Insulo, kie ili formortis, ĉefe tial, ke ili ne havis volon por vivi. Sed kiamaniere ili alvenis Tasmanion estas mistero.

Laŭ fizikaj ecoj, laŭ lingvo kaj kulturo, ili tute malsimilis indiĝenojn de Aŭstralio. Laŭ ilia lana hararo ili eble parencas kun melanesianoj, kiuj vivas nordoriente de Aŭstralio, sed restaĵetoj de ilia lingvo ne montras melanesian devenon. Fakto, ke tasmanianoj vizitis insulojn lokitajn malproksime de siaj marbordoj, pruvas, ke ili posedis rimedojn por transiri maron. Ili havis strangan kutimon postlasi unu aŭ du skeletojn sur insuloj malfacile alireblaj. Sed esploristoj konsentas, ke iliaj kanotoj estis de plej kruda speco. Supozeble ili alvenis Tasmanion sur seka tero antaŭ la malleviĝo de Bass-Markolo. Tiuokaze ili estis iam loĝantoj de Aŭstralio, kaj nuntempaj indiĝenoj de tiu kontinento ekstermis aŭ ensorbis ilin.

Aŭstralia indiĝeno ne estis tre progresema, sed li estis ege pli progresinta ol tasmaniano. Tiu lasta uzis batalilojn kiuj estis pecoj da ligno, kaj lancojn, kiuj estis bastonoj pintitaj kaj malmoligitaj per fajro. Liaj iloj estis krude haketitaj pecetoj de ŝtono sen ia ajn tenilo.

Laŭ „Sydney Sun“ tradukis
*Conrad C. Dornbusch*, Warwick, Queensland.

# Pri la admirinda laborejo de l' cerbo.

Ni homoj konscias apenaŭ iam pri la grandiozaj laboroj, kiujn nia cerbo subigas kun ludanta memkomprenebleco. La cerbo estas la telegrafa centrejo de nia korpo. En ĝi ĉiuj persentaj impresoj el la eksterejo fariĝas sento kaj sono, odoro kaj koloro; ankoraŭ plie, en ĝi formiĝas — nekomprenebla miraklo por ni — la koloroj kaj figuroj je bildoj de la ĉirkaŭanta nin ekstera mondo, la sonoj je muziko, la skrib- kaj pressignoj je imagaĵoj kaj ideoj. Ĉiujn sonantajn impresojn, la signalojn de l' eksterejo la cerbo uzas tujege: laŭ la sciigoj tuj estas entreprenataj la necesaj kontraŭrimedoj, okazas la taŭgaj agoj, ofte tute senkonscie, aŭtomate, „de si mem"; en la plej komplikitaj kazoj la faro per la sentoj sin montras kiel intencaj, laŭcelaj, „volitaj" agoj.

De la cerbo la ordonoj iras el la internaj organoj, al la koro kaj renoj, glandoj kaj muskoloj. Kun kia neimagebla rapideco okazas la aliigo de la impresoj je intencitaj movoj kaj agoj, pri tio nenio povas prezenti pli bonan bildon ol la observo de la manoj de muzikisto dum la praktikado. La fingroj de l' virtuozo alpremas jen ĉi tiun jen tiun kordon al la violono. Ofte tio okazas nekredeble rapide dume la mano tien kaj reen glitas sur la kordumo kaj kelkfoje la fingroj transflugas furiozrapide ĉiujn kvar kordojn alpremante tiun, ĉi tiun kordon, unuope kaj kune, sed neniufoje tro longe, centonan sekundon. Kun kia trafcerteco tio okazas estas konsternige. Neprecizeco de l' premo je duona milimetro jam neklarigas la tonon, je unumilimetra diferenco ankaŭ nefakula orelo aŭdas la malĝustan tonon. Tio ĉio komprenebIe ne nur estas lertecpruvo de la manoj kaj fingroj sed ankaŭ de l' cerbo. Sed ne sufiĉas. Dume la maldekstra mano faras tion la dekstra faras tute alion: ĝi kondukas la arĉon dume la brako sin fleksas kaj etendas en elegantaj movoj. La movoj de la dekstra brako devas entute harmonii kun tiuj de la maldekstra mano kaj ties fingroj: la arĉaj viŝoj ja nur sonigas la kordojn, kies tonaltoj estas destinataj de la fingroj maldekstraj. Tio ĉi estas ŝajne konfuza kooperado de tiuj ĉi daŭre variantaj movoj en notoj kvaronaj kaj deksesonaj, en interrompitaj, kaj ligitaj ritmoj. Krom tio ankoraŭ estas rimarkindaj la nuancoj de l' piano kaj forte, la kvietaj pli kaj malplifortigoj de la tonoj, la muzika esprimado.

Nun oni imagu, ke ĉiu unuopa noto bezonas, por la permuzika esprimo, por la eksoniĝo per la dekstra kaj maldekstra manoj, specialan ordonon el la cerbo. Plue oni imagu, ke la vico de jam intencitaj tonoj kiuj formas la muzikaĵon, estas ordonataj aŭ de la memorteno laŭ komplikitaj vojoj de l' cerbo ĉe daŭra kontrolo de l' sona efiko, aŭ per delegado de la notfolio de kie ĉiu noto estas sciigata per la okulo al la cerbo kaj poste tradukata en la teĥnikan sonon per la manoj. Nekomprenebla oni trovas la laboron de l' cerbo, vidante kaj aŭdante, ke virtuozo ĉe la ludado laŭ notfolio tute sen preparo devas improvizi la plej komplikitajn movojn, sen havi tempon mediti pri ili. Ne malpli mirinda estas la ludo de pianisto. Ambaŭ manoj samtempe tuŝas ses ĝis ok klavojn kaj ĉiu el ili sin movas kvazaŭ tute ne koncernus la alian. Se oni konsideras, ke ĉe normala rapideco estas sonigataj 640 tonoj en unu minuto, ĉe granda 900, ĉe ekstrema 960, oni rigardas la arton de Liszt aŭ Chopin, pliĝuste dirate la mirindan organizon de iliaj cerboj kiel nesolveblan enigmon.

Kun permeso de l' redakcio esperantigita
el „Kosmos" n-ro 7 (1924)
de *Viktor Bernhard* (Wien).

---

#  NOTOJ 

**Neĝaŭto** (snow motor) estas nova elpensaĵo, tre utila por nordaj landoj, kie neĝo kuŝas trionon aŭ duonon da jaro. Ĝi estis kreita en Usono, provita en Svislando. La esenca parto, kiu rampas sur la neĝo, estas du cigaroformaj dikaj cilindroj, sur kies surfaco estas ĉirkaŭfiksitaj po unu fera spiralo. La cilindroj povas turniĝi laŭ ambaŭ direktoj, konkorde aŭ malkonkorde, kaj tio permesas direkti la aŭton laŭplaĉe. La rapideco atingis 30 km hore kun trenata glitveturilo ŝarĝita je 20000 kg da arbotrunkoj.

**Alkoholo en pano** estis konstatita jam en la 1866 de kemiisto *Girard* en kvanto 3 : 1000. Do ni ĉiuj, manĝante la panon, drinketas, kaj la abstinentoj, se ili volas esti perfektaj kontraŭalkoholuloj, ne devas manĝi la panon. Antaŭ nelonge tri inĝenieroj — italo kaj du rusoj — entreprenis en Parizo eksperimentojn por kolekti la alkoholon el la vaporo kiu abunde eliras de la freŝe bakita pano. Ili sukcesis ricevi kvar litrojn da alkoholo, kaptita en la fumvaporo eligita de 1000 kg da pano. Sed, bedaŭrinde, la elspezoj por rektifi tiun akvozan alkoholon estus tiom grandaj, ke la tuta afero ne valoras laŭ ekspluata vidpunkto.

**Bizonoj.** Estis momento kiam la bizonoj en Usono rapide malmultiĝis pro la senkompata detruado, kaj ŝajnis esti baldaŭ tute malaperontaj. Kanada registaro volis savi la reston de tiu simpatia speco kaj starigis en 1907 en *Wainwright* (Alberta) vastan protektitan teritorion de 250 kvadratkilometroj, kiu servis rifuĝejo por lastaj 709 bizonoj. Tiuj prosperis, kaj nun la aro nombras 12000. Tial oni starigis duan „parkon", en kiun oni transportis 1600 bizonojn, kaj ĉiujare oni transportos la saman nombron por plifortigi tieajn sovaĝajn bizonojn.

**La Granda Sfinkso** en Egipto estas riparota laŭ ordono de la registaro. Unue oni forigas la sablon, kiu havas ĝenerale dikecon de 15 m super la ternivelo. La fendoj estos cementitaj. Longo de la monumento estas 39 kaj alto 17 m. En la pasinta jarcento oni forigis la sablon dufoje, sed la ventoj de Februaro-Marto ĝin ree amasigas. Kvin jaroj sufiĉas al la ventoj por kovri la sfinkson ĝis la kolo. Sur la supro de l' kapo troviĝas truo 3 m profunda, kies deveno ne estas konata. Unu egiptologo supozas, ke ĝi servis por fiksi sur la kapo grandan diademon, kiu nun ne ekzistas.

**Petrolo en Franca Sudo** estis trovita en Gabian, departemento de Hérault. Ses putoj estis boritaj ĝis profundo 150—170 m. Du putoj jam donas ĉiutage 4000 litrojn da nafto; ili jam havigis entute pli ol 2000000 l. Tio ne estas multe, sed la fakto mem de la eltrovo estas tre grava. Verŝajne multaj landoj ankaŭ posedas naftotavolojn ĝis nun ne eltrovitajn.

**Artefaritaj perloj** originas de la 1860, kiam unu Pariza butikisto, kiu vendis krucetojn, rozariojn, krucifiksojn, trovis, ke oni povas utiligi la fiŝan skvamon por la juvelarto. Tiu eltrovo venis tute nature, ĉar *Jacquin,* tia estis lia nomo, pasie fiŝkaptis sur bordo de Sejno. Li rimarkis, ke skvamoj de la „blankaj" fiŝetoj posedas perlecan belan reflektantan koloron. Li sukcesis fari infuzaĵon kiu absorbis la perlecan substancon, kaj li kolorigis vitrajn buletojn je tiu fluidaĵo. Tiel naskiĝis nova industrio. Nun oni uzas por ĝi skvamojn de diversaj „blankaj" fiŝoj, kies skvamo brilas kiel arĝento: harengo, sardino, alburno, arĝentino k. a. Kelkaj kemiaĵoj necesas por la fabrikado, ekzemple nitrocelulozo, acetato, metilalkoholo. Artefaritaj perloj estas malpli pezaj kaj malpli daŭraj ol la naturaj. Nur por la okulo ili tute similas la naturajn. Pro eta ŝoko ili rompiĝas, estante interne malplenaj. Sed tiu pereado vivigas la fabrikadon, kiu nutras multajn gehomojn.



# LITERATURO



## La kvinobla miraklo.

Humoraĵo de *Abel Kommok*

Fortunat Robin, notario en provinca urbeto, havis kvin filinojn. Irma, Eva, Anna, Olinda kaj Undina, tuta gamo da virtaj kaj belaj kvalitoj La filinoj kreskis, elkreskis, diskreskis, kaj fine venis tempo de la patra meditado, ĉar la plej juna Undina jam atingis la edzineblan aĝon de dekses jaroj, dum la plej aĝa, Irma, estis jam dudektrijara, sed ankoraŭ fraŭlino. Ne mankis la junviroj, sed la sorto — kiu finfine mastras en nia mondo — obstine ne volis ke la idinaro de S-ro Robin estu edzinigata. Kaj tamen ĉiuj kvin estis beletaj, ĝentilaj, laboremaj, akurataj, modestaj, amemaj, ktp ktp Ili praktikis ĉiujn artojn konvenajn al ilia situacio. Irma ludis pianon kaj desegnis florojn. Eva ludis violonon kaj brodis Anna pentris per olekoloroj kaj rajdis bicikle. Olinda verkis poemojn kaj lertis en laŭn-teniso. Undina sciis kanti kaj pasiiĝis kun senfadena aparato.

La gepatroj faris ĉion eblan por allogi la fianĉiĝemulojn; sed vane. Eble pro tio ke solfilino malpli timigas la junulojn ol la tuta regimento da belulinoj? Kiu scias? Tamen la fakto restis fakto. Unu belan vesperon okazis familia kunsido, la knabinoj forestis, kun partopreno de la parencoj, kiu longe diskutis la situacion kaj la rimedojn por „lokigi" la knabinojn; almenaŭ urĝe Irman, la plej aĝan. En la konsilantaro partoprenis ankaŭ S-ro Akil Fard, kuzo de la patro, do la onklo de la knabinoj. Li estis alta larĝa fortega bravulo, estinta oficiro, nun estro de la ĉevaledukejo. Finfine ĉiuj rigardoj alcelis la onklon Akilon, la plej energian ĉeestanton, kiu eble povus savi la familion el la embaraso. Oni are petis la onklon, kiu medite silentis, forte volvante sian dekstran lipharon ĉirkaŭ la montrofingro.

— Mi pripensos . . . mi nenion povas promesi . . . ni paciencu . . . — Tiuj modestaj vortoj, tamen, estis preskaŭ solena promeso; pri tio ne dubis kiuj konis la onklon Kaj la familia konsilado finis en gaja noktomanĝo.

Pasis semajnoj Unufoje, en la loka klubo la onklo Fard kartludis kun tri eminentuloj de la urbeto: trezorestro, kuracisto kaj bankiero. La ludo finita, oni ekbabilis pri la urbaj novajoj, pri edziĝoj, mortoj. Al la kartludintoj aliĝis du—tri aliaj klubanoj, la babilado pliviviĝis. Oni ekparolis pri la fraŭlinoj, kaj — ĉar neniu el la babilantoj estis patro de knabino — oni parolis tre libere, malkaŝe, kun krudaj ŝercaĵoj.

— Mi ne komprenas tiujn kompatindajn patrojn, kiuj havas beletajn knabinojn, ne sen doteto, kaj kiuj ne kapablas ilin „ennestigi" . . . tiel parolis la onklo Fard. Al li vive respondis la bankiero, konata riĉulo kaj avaregulo: — Ĉio nun estas kostega, kaj junuloj preferas kun liberulinoj, ol ligi sin, preni familian ŝarĝon . . . Cetere, la penadoj ne helpas en tiuj amaferoj, kie regas blinda hazardo . . . Vi havas belegan filinon, kun miliona doto, kaj ŝi restas maljuna fraŭlino, dum alia, malriĉega kaj nebela knabinaĉo trovas dek adorantojn kaj elektas mem sian fianĉon . . . Kion povas fari en tiu diabla afero la gepatroj? mi vin demandas . . . — La ekflamema onklo Fard ne povis silenti: — Se mi havus eĉ kvin filinojn mi ilin lokigus tute certe, ĝi estas afero de la racia kalkulo kaj „aranĝo"; ĉar ĉiuj junuloj estas proksimume la samaj, la stultaj . . . Prezentu al ili la ĉasaĵon en alloga formo, kaj ili perdas la kapon, kaj tuj edziĝas, kondiĉe ke oni ilin lerte detenas de la sukeraĵo, kaj por tio necesas nur forta brako . . . — Nu, sinjoro Fard, ekkriis la bankiero, mi vetas dek mil florenojn kontraŭ via bieneto se vi sukcesos edzinigi nur du, el la kvin, filinojn de via kuzo notario! — Tio estis kvazaŭ la vipofrapo, por la onklo . . . li paliĝis, ekbrilegis per la okuloj, kaj majeste respondis: — Mi vetas tutan mian havon kontraŭ viaj tridek mil florenoj, ke dum unu jaro, komence de hodiaŭ, mi edzinigos almenaŭ tri filinojn de sinjoro Robin kun tri decaj junviroj . . . — Akceptite — ironie respondis la bankiero, kiu jam antaŭgustumis gajnon de la onkla bieno. Ĉiuj ĉeestantaj klubanoj estis forte impresitaj de la sensacia veto, oni ekscitiĝis, oni postulis la paperon, kaj la veto estis oficiale skribita, subskribita de ĉiuj, kiuj estis en la ĉambro. — Lasta vorto! — proklamis la kuracisto — ni tute silentu pri la afero la urbeto tion ne sciu, ĉar la knabinoj povus esti ridindítaj de la filangoj, se oni konus la entreprenon, kaj certe neniu volus serioze amindumi la fraŭlinojn mone privetatajn. — Bone, bonege, ni silentos kiel fiŝoj, ni ĵuras, ni promesas, . . . — Tiuvespere la Klubo liveris duoblan nombron da boteloj.

La onklo Fard estis kvazaŭ ŝtona, kiam morgaŭ matene li eniris sian ĉevalejon. Li zorge vizitis ĉiujn fakojn de la edukejo, pavilonon kun purrasaj ĉevalinoj, du famajn virĉevalojn de anglo-araba sango, parkon kie petolis senkulpaj ĉevalidoj. Li donis urĝajn ordonojn, kaj fine pasis unu horon kun la nova virĉevaleto Bobby, obstina kaj kolerema. Tiu horo ŝvitigis la onklon kaj la beston, tiom longe kaj tiom forte laboris la dika vipo sur la molaj flankoj de l' ĉevaleto. La servistoj aŭdis kriĵurojn de Fard, hufrapojn kontraŭ la barilo, elastajn batsonojn de la vipo, ree la fiĵurojn, kriegojn, ree la hufbatojn sur la tero, sur la herbo, kaj la tutan inferan bruegadon de du viroj fortegaj: Fard kaj Bobby. Fine la onklo venkis, kaj la virbesto cedis, ekobeis, permesis sin rajdi. Miraklo. Kaj la onklo eliris kontentega, kvankam iom laceta. En tiu tago maturiĝis la plano de la onklo pri la knabinoj. — Bela metodo kaj energiega plenumo, kaj mi aranĝos miajn birdinetojn, ne nur tri, ĉiujn kvin . . . — tiel pensis Fard kiu jam ne ŝercis; temis ja pri lia bieno, lia tuta havo, lia honoro! Antaŭ li estis 364 tagoj longa tempo, sed estus danĝere perdi eĉ unu horon! Samvespere Fard venis al sia kuzo, alvokis la kvin knabinojn, kaj zorge fermis la pordojn. Tute certa ke neniu povas lin aŭdi el ekstere, la onklo subite deklaris al la patro kaj la filinoj ke li estas ligita per la fatala veto Ĉu vi akceptas min, kiel organizonton de via feliĉo? Ĉu vi estos absolute obeaj al mi? ĝis la . . . ne morto, sed ĝis la edziniĝo, kun la plej ĉarmaj junuloj sincere enamiĝintaj . . . Ĉu vi volas helpi al mia laborego per via blinda obeo . . . ? Neniam mi proponos al vi la fianĉojn kiujn vi ne amos, kaj kiuj vin ne amegos . . . Vi havos tutan batalionon da fianĉoj, vi elektos, oni disputos pro vi . . . ! Elpafeginte tiun svenigan deklaron la onklo rapide forpaŝis el la ĉambro kun la vortoj: post tri minutoj mi revenos por aŭdi vian decidon! Kaj li revenis solena, majesta, certa pri la respondo, kiun oni ne bezonis eldiri; la notario senvorte premegis la onklajn manojn, dum la nevinoj formis ĉarman girlandon ĉirkaŭ lia kolo, por lin kisi kun ravaj ridetoj.

Pasis kvar monatoj Venis Julio. Libera tempo por la lernejanoj kaj oficistoj. Cent kilometrojn de la urbeto, sur moda marbordo, la onklo Fard organizis pensionon por junularo, klubon de maraj sportoj, kaj senalkoholan bufedon En parentezoj estu dirite ke li pruntis hipoteke 5000 florenojn por esti certa je la sukceso. Bela vilao, luksa pensiono, severa ordo, malkaraj prezoj, lerta sed diskreta reklamo, bonaj rekomendoj de la eminentaj personoj kiuj konis la onklon, ĉio kreis sensacian sukceson de la marborda „muskaptilo." Estis ĉe li kvardek lokoj, prezentiĝis antaŭ li cent kvindek dezirantoj. Fard elektis, zorge, sisteme. Li estis sperta psikologo, profunda observanto El la junviroj li preferis sanaspektajn, mildajn, ne tro riĉajn,

kapablajn revi, senti, — el la fraŭlinoj li severe akceptis nur la plej malbelajn, ceremoniemajn, ankaŭ beletajn sed fizike ne disvolvitajn, malfortajn, mallertajn. La kvin notariidinojn li ankaŭ akceptis, sen kritiko kompreneble.

Kaj la ama konkurado komencis, lerte gvidata de la nevidebla mano de Fard, kiu kvazaŭ forestis, sed fakte ĉirkaŭ li turniĝis la tuta sarabando da flamemaj gejunuloj. Marbanoj en belkoloraj kostumoj, noktaj serenadoj, muziko, ludoj, sporto, bonega nutrado, la vetero kiu favoris la korojn, . . . kaj ĉio rulis sur natura deklivo, al la natura celo. Inter la pensionuloj estis du fraŭlinoj, sekretaj detektivoj, kiujn dungis Fard sub severegaj kondiĉoj, kaj kun promesita „premio", se la afero sukcesos. Tiuj du agentinoj bone ludis sian rolon, uzante ankaŭ sian rajton ami kaj esti amataj, kondiĉe ne enmiksiĝi en la aferojn de la kvinulinoj. Ĉefa kaj la plej malfacila tasko de Fard kaj de liaj helpantoj, estis nepermesi al la amemaj junuloj iri tro rapide, esti tro intimaj kun siaj adoratinoj. Pro tio la celo, tiom arde dezirata, ŝajnis al la junuloj ankoraŭ pli alta, pli bela, pli ideala. En la grupo da nebelaj kaj malfortaj fraŭlinoj la kvino ŝajnis duoble pli bela kaj fizike perfekta. Nature ili fariĝis la centro de la atento de l' junviroj, kun malmultaj esceptoj. La marbanoj alternis kun la improvizita teatro, la sporto kun la salonaj ludoj dum la pluva vetero. Ĉiu el la kvin notariidinoj jam ricevis skribajn kaj buŝajn amdeklarojn de pluraj flankoj. Dume la onklo faris siajn ĉiutagajn rajdojn, sur Bobby, kiu nun estis lia amata amiko. Ŝajne tute ne interesis lin la aferetoj de la junularo. Unu el detektivinoj, ne malbela, ricevis korproponon, kaj la oficiala fianĉiĝo baldaŭ sekvis. Estis bonega ekzemplo kaj antaŭsigno.

Plua favora cirkonstanco aldoniĝis: la amikoj de Fard, por havigi al li maksimumon da ŝancoj en lia herkulesa entrepreno, faris inter si intiman konspiron por elektigi la onklon Fard kiel urbestron . . . nur por nelonga tempo, ĝis li finos la „ennestigon." Sola forta kandidato al tiu posteno konsentis rezigni, sub preteksto de malsano, kaj tute neatendite por la urbeto estis Fard elektita. Nun, la kvin knabinoj iĝis nevinoj de la urbestro, kaj tio imponis al la junaj amindumantoj.

Venis fine granda tago, je komenco de Septembro, kiam ĉiu el la kvin knabinoj havis sian „elektiton." Du el la kvin junuloj akiris konsenton de siaj familioj, fieraj parenciĝi kun la notario kaj la urbestro. Sed tri ceteraj ne sukcesis ricevi aprobon de la gepatroj, kiuj revis pli riĉajn fraŭlinojn por siaj idoj. La onklo do puŝis ilin, pere de la detektivinoj, al sekreta, senpermesa edziĝo, tamen laŭleĝa; oni konvinkis la tri junvirojn ke iliaj egoistaj gepatroj fine repaciĝos kun la malobeaj filoj, postfakte, kiam la himeneaj ĉenoj estos finforĝitaj. La tuta afero estis irigita tiel lerte, ke ĉiu el la kvin junuloj nenion sciis pri la ceteraj kvar, opiniante ke sole li estas sur la sojlo de la feliĉego. Tion atingis la fianĉinoj kiu ĵurigis siajn elektitojn pri la absoluta sekreto. La tago de l' edziĝa ceremonio estis fiksita: dimanĉo, dudektria Septembro, je la oka, en la marborda kapelo. La pastro, atestontoj, formalaĵoj, — ĉio estis preta.

Grandegaj zorgoj okupis la onklon dum lastaj tagoj antaŭ la venonta dimanĉo. Ĉiu hezito de la junuloj povus esti danĝera, ĉiu aludo pri la sekreto estus katastrofiga, ĉion pereiga. Venis lasta sabato, antaŭ la solenaĵo, la onklo vizitis aparte ĉiun el la kvin junuloj, donis lastajn instrukciojn al ĉiu el la kvinulinoj, aldone kontrolis la detektivan servon. Ĉio en ordo, ĉiu sur sia posteno. La horizonto sennuba.

Dimanĉe frumatene leviĝis Fard, antaŭ la suno, iom emociita, sed kvieta, gravmiena, singardema. Kvin servistoj, krome dungitaj, estis maldormaj, observante ĉiun spiron, ĉiun paŝon de la „elektitoj". Je la sesa alkuris servisto kun timema vizaĝo, kiu raportis al la onklo ke „lia sinjoro" subite vestiĝis kaj eliris, laŭ direkto de la stacidomo. La onklo kaptis la ĉapelon kaj ekkuris kun la servisto. Cent paŝoj antaŭ la fervojo ili ekvidis la jam rulantan vagonaron. — Hejmen. tujege, rapidu al mi kun Bobby, ne selu . . . ! — kaj la ordonita servisto ektrotis por venigi la virĉevalon. Post tri minutoj Fard jam estis galopeganta por atingi najbaran stacion almenaŭ antaŭ foriro de la vagonaro, kiu tie estis haltonta kvin minutojn. La marborda fervojo estis konata pro siaj malrapidemaj vagonaroj, moke nomataj „la helikoj." Tamen Bobby havis antaŭ si la krudegan taskon, kaj li fervore penadis por la sukceso. La onklo karese frapetis la kolon de sia amato kiu kvazaŭ komprenis la tutan gravecon de la momento. Li fluge rapidis tra la freŝa aero, ĝoja pro libereco, pro neesto de la selo, kaj liaj hufferoj sonorigis la sablotavolitan firman ŝoseon. Trafluginte la arbareton Fard ekvidis „la helikon" kiun postsekvis longa nubo da neĝeblanka vaporfumo. La ĉevalo nun vere komprenis kiun li devas atingi, ja tiun spiregantan fumbeston, kiu rampegas antaŭ li sur la reloj! Kaj duobliĝis la galopado. Baldaŭ scivolaj kapoj el vagonfenestroj ekobservis la rajdadon, rekonante la onklon, mansalutante lin, dezirante al li la venkon. Ili ne dubis pri tio ke la onklo nur dresas sian beston en la rapideco. Inter la kapoj aperis ankaŭ tiu de la junulo, kiu paliĝis, vidante la galopegantan onklon: — Mi ne sukcesis . . . do, mi hodiaŭ iĝas edzo . . . des pli bone . . . — tiel ekpensis la fianĉo, kiu komprenis ke ĉiu rezisto estus senutila. La onklo alvenis du minutojn antaŭ „la heliko", kaj la publiko lin brue aklamis. La „elektito" gajmiene elvagoniĝis, aliris la onklon, kaj ili tute amike revenis piede al la marbordo: ili parolis pri bela vetero, pri Bobby, kaj tio sufiĉis. Ĉar ĉio cetera estis perfekte memkomprenebla . . . Bobby ilin sekvis, kovrita je ŝaŭmo, skuante la kapon de temp' al tempo, neniam lasante la bridon streĉita: la onklo, kiu tenis la bridon en sia forta pugno, tute ne bezonis tiri la virĉevalon, kiu lerte postsekvis sian mastron. Ankaŭ la junulo lin obeeme sekvis, kvankam por ekstera observanto ili marŝis egale, brakoĉe-brako.

Je la sepa kaj duono alkuris dua servisto, dirante ke „lia knabo" malsanetas, ne povas ellitiĝi. — Ni vidu! — grumblis Fard, kaj malrapide ekmarŝis por viziti la „malsanetulon." La junulo kuŝis, kovrita ĝis la nazo, kiam gaje eniris Fard, kantetante, vipante siajn botojn. — Bonega mateno! . . . ĉu vi povas dormi kiam la tuta naturo radias kaj ĝojas? . . Nu, nu, ne estu virinaĉo . . . via malsano tuj malaperos kiam vi leviĝos! . . . — kaj forta amika frapo sur la ŝultron, fortega vipofrapo sur la meblon, amika rido de l' onklo. La junulo tuj rehavis la kuraĝon, diris ke efektive tro longe li dormis, sed li tute ne estas malsana, ke li estos preta post tri minutoj. Ĉio do iris plue sian antaŭfiksitan vojon.

Je la oka precize la kvin junuloj estis surprizegitaj, en la kapelo, konstatinte ke ili estas kvin . . . Des pli bone, des pli gaje! Nun la sekreto estis finita, ĉar la onklo larĝe diskonigis la grandiozan novaĵon kaj la tuta marborda kolonio, ankaŭ multaj najbaraj kamparanoj, venis al la kapelo, kiu ne povis enhavi la tutan amason. Regis sensacia, hela, gajekscitanta atmosfero. Kaj la kvin paroj laŭvice preterpasis antaŭ la diservantoj. La solenaĵoj kaj oficialaĵoj ĉesis. Nun komencis la festena, pli interesa, parto de la programo . . . kaj ĝi daŭris ĝis la nokto, kun brua gajamuzado de l' juneco, kun multekoloraj lumoj kaj sonoraj muzikadoj. La onklo fariĝis heroo de la tago . . . kaj de la nokto. Li sukcesis pli ol li mem esperis. Li ja faris miraklon. Sed unu homo malĝojis, funebris, koleris, unu sola el la tuta loĝantaro de la urbeto kaj de la marbordo, nur unu estaĵo ne partoprenis en la komuna sensacio kaj gajeco, tiu estis la avara bankiero, kiu ja perdis 30000 florenojn. Ĉu necesas aldoni ke la grandanima onklo donacis sian veton al la kvin nevinetoj?

— — — — — — — — — — — — — — — —

Pasis semajnoj. La onklo eksiĝis el la urbestrado. Nun li plene ĝuis en la klubo, en la hejmoj, ĉie admirata, ĉie festata. Kaj finante, je la centa fojo, sian detalan rakonton pri la kvinobla miraklo, li konkludis, kiel kutime: — Jes, miaj karaj . . . por tio do necesas nur forta brako! —

---

# *Interparoloj kun Goethe*

## *(1823—1832)*

### *(Johann Peter Eckermann)*

Dimanĉon, la 20-an de Februaro 1831.

„La homo kutimas, konsideri sin mem kiel celon de la kreado kaj rigardi ĉiujn aliajn estaĵojn nur laŭ tio, ĉu ili servas kaj utilas al li. Li propriĝas al si la vegetaĵaron kaj la bestaron, kaj konsumante aliajn kreitaĵojn kiel taŭgan nutraĵon, li kredas eksenti sian dion kaj laŭdas ties bonvolon, kiu tiom patre zorgis pri li. Li forprenas la lakton de la bovino, la mielon de la abelo, la lanon de la ŝafo, kaj altrudante al ĉiuj estaĵoj celon konvenan al li, li ankaŭ kredas, ke ili estas kreitaj por tiu celo. Li ne povas imagi, ke eĉ la plej malgranda herbo ne kreskas por li, kaj se li momente ankoraŭ ne konas ties utilon, li tamen kredas, ke estonte li certe eltrovos ĝin.

Kaj kiel la homo pensas ĝenerale, tiel li pensas ankaŭ en specialaĵoj; li emas apliki sian kutiman opinion pri la ĉiutaga vivo ankaŭ en la scienco, ĉiam serĉante la celon kaj utilon de ĉiu unuopa parto de vivanta organismo.

Ĝis certa grado tio taŭgas, kaj ankaŭ en la scienco li ĝis certa grado sukcesos laŭ tiu maniero, sed antaŭeniĝante, li sin vidos antaŭ faktoj, por kiuj lia malvasta opinio ne sufiĉas, kaj sen firma bazo, li konfuziĝos en kontraŭdiroj.

Tiaj utilec-predikantoj ekzemple diras, ke la bovo havas kornojn, por defendi sin per ili. Sed mi demandas: kial la ŝafo ne havas kornojn? kaj se tamen ĝi havas, kial ili estas volvitaj ĉirkaŭ la oreloj, tiel ke ili ne utilas al la ŝafo?

Tute alia afero estas, kiam mi diras: la bovo defendas sin per siaj kornoj, ĉar li posedas ilin.

La demando pri la celo, la demando k i a l ? tute ne estas scienca. Iom pli oni progresas per la demando k i e l ? — Ĉar, kiam mi demandas: kiel la bovo havas siajn kornojn, mi estas instigata, okupiĝi pri ĝia korpa strukturo, kaj per tio mi samtempe lernas, kial la leono ne havas kaj ne povas havi kornojn.

Alia ekzemplo: en la homa kranio troviĝas du malplenaj kavaĵoj. La demando kial? ne progresigus min, sed la demando kiel? instruas min, ke la kavaĵoj estas restaĵoj de la besta kranio. En tiuj malsuperaj organismoj ili troviĝas ankoraŭ laŭ multe pli rimarkinda grado, kaj en la homo ili ankoraŭ ne perdiĝis, malgraŭ lia evoluiteco.

La utilec-predikantoj certe timas perdi sian dion, se ili ne plu povus adori l i n, kiu donis la kornojn al la bovo, por ke ĝi defendu sin. Sed al mi estu permesate, adori lin, kiu en la abundo de sia kreado estis tiom giganta, ke post milspecaj plantoj li kreis ankoraŭ unu planton kaj post milspecaj bestoj kreis estaĵon, kiu enhavas en si mem ĉiujn antaŭe kreitajn estaĵojn: la homon.

Estu adorata li, kiu donas nutraĵon al la bestaro kaj manĝaĵon kaj trinkaĵon al la homo, tute laŭplaĉe. Sed mi adoras l i n, kiu metis en la mondon produktan forton tiom intensan, ke nur miliono da ĝi sufiĉas, por krei abundon da vivantaj estaĵoj sur la tero, tiel ke eĉ milito, epidemio, superakvego kaj brulo ne efikas. Tio estas m i a dio!"

*

Dimanĉon, la 6-an de Majo 1827.

La konversacio temis pri „Torquato Tasso": kian ideon Goethe intencis esprimi en tiu dramo.

„Ideo?" diris Goethe, „mi ne scias — Mi havis la v i v o n de Tasso, mi havis mian p r o p r a n v i v o n, kaj kunmiksante du tiom strangajn personojn, kiuj havis siajn specialajn ecojn, mi kreis la figuron de Tasso kaj kiel lian prozan kontraston Antonion. Cetere ne mankis al mi modelo ankaŭ por tiu ĉi figuro. La kortegaj, societaj kaj amaj interrilatoj estis la samaj en Weimar kaj Ferrara, kaj bonkonscience mi povas diri pri mia dramo: ĝi estas osto el miaj ostoj kaj karno el mia karno.

La germanoj estas stranguloj! Ili pli ol necese malfaciligas al si la vivon per siaj profundaj pensoj kaj ideoj, kiujn ili ĉie serĉas kaj implikas. Estu fine kuraĝaj: lasu vin impresi, lasu vin ĝojigi, lasu vin kortuŝi kaj edifi, lasu vin klerigi, lasu vin entuziasmigi kaj instigi por io granda; sed ne tuj supozu, ke ĉio, kio ne estas abstrakta penso aŭ ideo, estas senvalora!

Ekzemple oni demandas min, kian ideon mi intencis esprimi en mia „Faŭst". Kvazaŭ mi mem tion povus scii kaj priskribi. E l l a ĉ i e l o t r a l a m o n d o a l l a i n f e r o ; tiu difino eble estus akceptebla; tamen tio ne estas ideo, sed nur la intersekvo de la okazaĵoj. Plue: en mia „Faŭst" la diablo perdas la veton, kaj la homo, kiu el la abismo de siaj eraroj ĉiam altencelas al io pli bona, estas pardonata: nu, tio estas efika, multon klariganta bona penso, sed ne fundamenta ideo de la tuto aŭ de ĉiu unuopa sceno. Certe estus naskiĝinta stranga verkaĵo, se mi estus bazinta tiom riĉan, multkoloran kaj varian vivon, kiom mi pentris ĝin en „Faŭst" sur unu sola superreganta ideo."

Goethe daŭrigis: „Ĝenerale ne estis laŭ mia gusto, kiel poeto pritrakti ion abstraktan. El mia interno mi ekhavis miajn imagojn, tiajn, kiajn vigla fantazio ilin naskas: senteblaj, vivecaj, ĉarmaj, variaj, centspecaj; kiel poeto mi nur bezonis ellabori kaj formi tiajn perceptojn kaj imagojn kaj esprimi ilin vivmaniere, tiel ke aliaj personoj ekhavu la samajn imagojn, aŭdante aŭ legante mian verkaĵon.

Tamen, kiam mi fakte intencis, esprimi kiel poeto iun ideon, mi faris tion en malgrandaj poemoj, kiuj ebligas nepran unuformecon kaj klaran komprenon, kiel ekzemple „La Metamorfozo de la Bestoj", „La Metamorfozo de la Plantoj", plue la poemo „Konsilo dediĉa" kaj multaj aliaj. La sola produktaĵo pli ampleksa, en kiu mi, laŭ mia konscio, bazis mian laboron sur firma ideo, eble estas miaj „Animaj Parencoj". Per ĝi la romano fariĝis komprenebla por la racio, sed mi ne volas diri, ke ĝi fariĝis pli valora per tio. Kontraŭe, mia opinio estas: ju pli kun nenio komparebla kaj por la racio nekomprenebla montriĝas poeta produktaĵo, des pli bone."

*

Dimanĉon, la 14-an de Marto 1830.

„Skribi militajn kantojn, sidante en varma ĉambro! Tio ne estis laŭ mia gusto! En la bivako, kie nokte oni aŭdas bleki la ĉevalojn de la malamikaj postenoj: tio jam estus alia afero! Tamen tio ne estis mia vivo nek mia afero, sed tio de Theodor Körner. Liaj militaj kantoj tute konvenas al lia maniero. Sed ĉe mi, kiu ne estas militema nek militspirita, militaj kantoj estus estintaj masko ne konvenanta al mi.

Mi neniam afektis en mia poezio. Kion mi ne mem travivis kaj kio ne profunde okupis min, tion mi ne versigis nek esprimis. Ampoemojn mi nur verkis, kiam mi amis. Kiel mi nun estus povinta skribi kantojn pri malamo, ne malamante! — Kaj, inter ni, mi ne malamis la francojn, kvankam mi dankis Dion, kiam ili formarŝis el nia lando. Mi, kiu pleninteresiĝis nur pri aferoj kiel kulturo kaj barbareco, ne estus povinta malami nacion, kiu apartenas al la plej kulturitaj nacioj sur la tero kaj al kiu mi dankas grandan parton de mia propra kulturo.

„Cetere", daŭrigis Goethe, „la nacia malamo estas stranga aperaĵo. Sur la plej malsupraj ŝtupoj de la kulturo ĝi ĉiam estas plej forta kaj intensa. Sed ekzistas ŝtupo, kie ĝi tute malaperas kaj kie oni staras super la nacioj kaj kunsentas feliĉon aŭ malfeliĉon de sia najbara popolo, kvazaŭ ĝi estus okazinta al la propra popolo. Tiu ĉi kulturŝtupo estis konforma al mia karaktero, kaj mi estis enradikiĝinta en ĝi jam sufiĉe longan tempon antaŭ mia sesa jardeko."

*

Merkredon, la 17-an de Marto 1830.

Goethe rakontis sian aventuron kun Lordo Bristol, episkopo de Derby.

„Lordo Bristol", diris Goethe, „trapasis Jena, deziris konatiĝi kun mi kaj petis, ke mi vizitu lin iun vesperon. Li ŝatis, kelkfoje esti tre malĝentila; sed kiam oni kontraŭis lin en sama maniero, tiam li fariĝis tute pacema. Dum nia interparolo li volis admonprediki pri mia romano „Werther", kulpigante min, ke per ĝi mi instigus la homojn al memmortigo. „Werther", li diris, estas tute malmorala, komdamninda libro! Atentu! mi ekkriis: se tiamaniere vi parolas pri la bedaŭrinda Werther, en kiu maniero vi do intencas, esprimi vin pri la konduto de la grandpotenculoj de nia tero, kiuj per sola streko de skribplumo sendas centmil homojn al la batalkampo, el kiuj okdekmil mortigas sin kaj reciproke incitas sin al mortigo, bruligo kaj rabado. Post tiaj abomenaĵoj vi dankas Dion kaj kantas: Dio, ni laŭdas vin! Kaj plue, se vi timigas la malfortajn animojn de viaj paroĥanoj per viaj predikoj pri la teruraĵoj de la eternaj punoj, tiel ke ili preskaŭ senraciiĝas kaj finas sian mizeran vivon en frenezulejo! Aŭ, se vi per kelkaj el viaj ortodoksaj, tute kontraŭraciaj tezoj semas en la animojn de viaj kristanaj aŭskultantoj la malbonan ĝermon de dubemo, tiel ke tiuj duone fortaj, duone malfortaj animoj perdiĝas en labirinto, el kiu nur la morto liberigas ilin! Kion vi tiam diras al vi mem, kaj kian admonan predikon vi tiam faras al vi mem? Kaj nun vi volas respondigi verkiston kaj kondamni verkon, kiu, fuŝkomprenata de kelkaj nesaĝaj animoj, forigis el la mondo apenaŭ dekduon da stultuloj kaj sentaŭguloj, kiuj ne povis agi pli racie, tute estingante la etan reston de sia eta lumo. — Mi pensis, ke mi vere servis al la homaro kaj meritas ĝian dankon, kaj nun vi venas kaj volas deklari tiun mian malgrandan heroaĵon krimo, dum vi, vi pastroj kaj regnestroj, permesas al vi nur kolosaĵojn kaj gigantaĵojn!

Tiu atako bonege efikis sur mian episkopon. Li fariĝis pacema kiel ŝalido kaj kondutis dum la tuta daŭro de nia interparolado laŭ plej ĝentila kaj delikata maniero. Post tiu enkonduko mi pasigis tre agrablan vesperon kun li, ĉar Lord Bristol, kvankam kelkfoje tre malkompleza, estis viro spiritհava kaj mondama kaj nepre kapabla, detale paroli pri tute diversspecaj temoj. Dum mia adiaŭiĝo li akompanis min ĝisporde kaj tiam igis sian abaton, daŭrigi la adiaŭajn komplimentojn. Kiam ni estis jam preskaŭ eksterdomaj, la abato diris al mi: Oh, sinjoro de Goethe, kiom bonege vi parolis kaj kiom vi plaĉis al la Lordo kaj scipovis, trovi la vojon al lia koro. Vi certe ne hejmenirus nun same kontenta, se vi estus aplikinta malpli da drasteco kaj decidemo."

Trad. *Elisabeth Bünemann.*

---

*Grandaj pensoj venas el la koro.*

Vovenargues

*

*Antaŭ ĉio legu la pli bonajn librojn, ĉar povas okazi, ke vi ilin tute ne legos.*

Toreau

*

*Mia religio estas la amo al ĉio vivanta.*

Ibrahim de Kordoba

# La paca movado.

**(El jus aperinta libreto de S-ino A. Nilsson „Datoj kaj faktoj pri la paca movado" ni ĉerpas kelkajn paragrafojn, kiuj prezentos certan intereson por la pacemuloj.)**

1815 estis fondata en *New York* la unua porpaca unuiĝo: *David Dodge,* komercisto, en Aŭgusto 1815 fondis „New York Peace Society." Preskaŭ samtempe estis fondataj ankaŭ aliloke en Ameriko similaj unuiĝoj.

1816 fondiĝis en *London* la unua porpaca unuiĝo en Eŭropo. Ĝi estis fondata de la kvakero *Allen.* La kvakeroj multe partoprenis kaj ankoraŭ partoprenas en la paclaboro.

1830 estis fondata en *Genève* la unua pacorganizo sur la kontinento de Eŭropo. Tiu ĉi unuiĝo baldaŭ ĉesis, sed la du antaŭaj ankoraŭ laboras. *Elihu Burrit,* „la klera forĝisto", transveturis 1847 el Ameriko al Eŭropo kaj propagandis dum siaj vojaĝoj la novajn ideojn. Li energie klopodis por starigo de internacia tribunalo.

1867 fondis *Frédéric Passy* la unuan internacian porpacan unuiĝon, kiu poste estis aliorganizita al „Société pour l'arbitrage entre nations." Samtempe la belga verkisto *Lemonnier* kune kun *Victor Hugo* kaj *Garibaldi* fondis la „Internacian ligon por paco kaj libereco", kiu ĝis hodiaŭ konservis sian internacian karakteron.

1889 fondiĝis en *Paris* la Interparlamenta Unuiĝo.

1891 estis kreata la „Internacia konstanta pacifista oficejo" en *Bern,* per jaraj subvencioj de diversaj landoj. La dano *Frederik Bajer* iniciatis ĝin, kaj kiel unuan gvidanton oni invitis la svison *Élie Ducommun.*

1896 estis fondata en *Paris* la unua virina porpaca unuiĝo en Eŭropo: „Alliance universelle des femmes pour la paix".

1910 estis fondata la *Carnegie*-fondaĵo en Ameriko. Tiu ĉi estas dividita en tri sekcioj, unu el ili por internacia juro.

*

## Sovet-Ruslando.

La Asocio por Kulturaj Rilatoj al Ruslando konstatas en sia organo, ke en la itala kongreso de matematikistoj, Roma, antaŭnelonge partoprenis ankaŭ Rusaj reprezentantoj. Same okazis en internacia kongreso de scienculoj en Japanujo kaj en konferenco de psikologoj en Berlino. Invitoj al internacia kongreso de fervojoj en Kairo kaj al kongreso de geografoj en Madrid, ambaŭ okazontaj venontan jaron, estas akceptitaj. Sovetrusa reprezentanto partoprenis ankaŭ kunvenon de la Komisiono de la Ligo de Nacioj, en kiu temis pri la tunado de aerŝipoj.

En la edukado estas enkondukataj faciligoj por la malplimultoj. Oni faciligas la ellernon de gepatra lingvo. La studo de la lingvoj Bulgara, Germana, Greka kaj Tatara estas deviga en lernejoj por eduko de estontaj instruistoj en la minoritaj teritorioj. Oni planas eldonon de revuo pri vivo kaj moroj de la nacioj. La Eldonejo de naciaj minoritoj eldonas librojn en 37 diversaj lingvoj.

*

## Hindujo.

Okaze de la Hinda Nacia Kongreso, decembro 1925, ĝia prezidanto S-ro Sarojini Naidu subtenis fervore la ideon pri kreo de nacia militistaro per varbado de volontuloj. — — La fido al milita potenco malesperige kreskas. Ĝin pruvas ankaŭ granda kunveno en la Universitata Unio en Nagpur, en kiu granda plimulto voĉdonis por oficiala militedukado en Hindaj universitatoj kaj lernejoj.

*

## Sudslavio.

En prelego pri „Slava solidareco", okazinta en la universitato de Beograd, esprimis la pli ol mil aŭskultintoj sian fervoran konsenton pri la ideo de kuniĝo kun „niaj Bulgaraj fratoj".




# Eduka paĝo de l' Instituto J.-J. Rousseau

## *Internacia Oficejo de l' Eduko*

*(Bureau International de l' Education)*

La 5-an de Majo 1926 la Konsilantaro de la B. I. E. unuafoje aŭdis resuman raporton de la Sekretariejo pri ĝia agado dum la unuaj monatoj de l' ekzistado.. La cirkonstancoj permesis starigi tre multajn kontaktojn: S-ro Bovet en Usono, F-ino Rotten en Germanio, S-ro Ferrière en Italio, F-ino Butts en Genève mem, havis la okazon konigi la novan entreprenon al granda nombro da influaj personoj: lernejestroj, oficialuloj, pioniroj de l' renovata edukado, profesoroj de psikologio kaj de pedagogio. Entute la akcepto estis tre kuraĝiga; valoraj opinioj estis kolektitaj, kiujn profitos la B. I. E. Tiu propagando per personaj intervidiĝoj estus multe pli vasta se, unuflanke, vojaĝo de S-ro Ferrière en Jugoslavio, Hungario kaj Rumanio, aliflanke, la Roma Kongreso de morala eduko, ne estus devige forlasitaj en la lasta momento.

Kio tuŝas Genève, la oficejo de la B. I. E., starigita en la Instituto J.-J. Rousseau, vidis grandan nombron da diverslandaj vizitantoj. F-ino Beryl Parker (Research Scholar de l' International Institute of Teachers College, New York) laboris dum pluraj tagoj en nia biblioteko. Ŝi faris, sub la aŭspicioj de la B. I. E., tre interesan paroladeton pri la progresema edukado en Usono, akompanitan de ekspozicio (fotoj, laboroj de lernantoj, ktp.) rilatan al la antaŭenemaj lernejoj, oficialaj kaj privataj.

Grandanombre senditaj cirkuleroj (francaj, anglaj, germanaj, hispanaj, — eldonoj itala kaj pola estas presataj) kaj la korespondaĵoj siavice estigis interesajn ligojn kun diverslandaj institucioj kaj edukistoj

Sed, krom tiu organiza tasko, jam estis decidige entreprenita la propra laboro de la B. I. E. mem. La fakto ke la B. I. E. tuj profituzas de l' sperto de edukistoj kaj institucioj, bone konataj en la pedagogia mondo, havigis al ĝi de l' unua tempo la demandojn kaj informojn, variajn same laŭ la temoj kiel ankaŭ laŭ la landoj el kiuj ili venis. Ni citu kelkajn el ili, preskaŭ laŭhazarde: el Jugoslavio pri la bulkalkulilo (abako), el Polujo pri la profesia orientado, el Franclando pri la faka esploro de moralaj kapabloj, el Svislando pri la problemoj de edukado kaj heredeco, el Alĝerio pri la lernejaj konstruaĵoj, el Belgio pri la ludoj dum la instruado de latina lingvo, ktp

Tiuj demandoj venis el almenaŭ dekok malsamaj landoj. Ili, kompreneble, postulis bibliografiajn serĉadojn, pli aŭ malpli vastajn, kaj tio konfirmis nian konvinkan opinion ke biblioteko, kaj bone ordigitaj broŝuroj en klasiloj, estas unu el la plej evidente utilaj agrimedoj kiujn la B. I. E. povas havi en sia dispono. Do, en la sama tempo, kiam ni prizorgis nian dokumentadon, ni entreprenis starigi registron da gvid-vortoj, kaj tiucele ni konsultis la ĉefajn pedagogiajn bibliotekojn de Eŭropo kaj de Ameriko, atentante ankaŭ la aplikon de la decimala klasifiko al la eduk-sciencoj. Laŭ nia supozo la ellaboraĵo kiu el tio rezultos povus esti publikita, aŭ almenaŭ komunikata al ĉiuj kiuj volus ĝin uzi por sia servo.

Aliaj daŭraj enketoj, de esenca graveco por la B. I. E., estis entreprenitaj; ni esperu ke ili baldaŭ liveros materialon por eldonaĵoj, sub tiu aŭ alia formo. Ekzemple, — dataro de anoncitaj ĉefaj pedagogiaj kunvenoj, — nomaro de lernejoj kaj institucioj aparte interesaj por fremda vizitanto en diversaj landoj, kio estonte povus konstitui specon de pedagogia gvidlibro, — nomaro de ĉefaj organizoj de interlerneja korespondado. Ĉio tio estas en deca preparo.

La B. I. E. ricevis ankaŭ plurajn petojn pri kunlaboro, kiuj devos esti atente ekzamenataj, sed kiujn ĝi principe akceptis Unu el ili rilatas al Somerlernejo de l' Asocio por la Ligo de Nacioj. Tie la B. I. E. estus komisiita starigi la programon de unu aŭ du tagoj speciale dediĉotaj por la edukistoj. Ni antaŭvidas paroladojn, pli familiajn kunvenojn, komentotajn ekspoziciojn. De du malsamaj flankoj oni proponis al B. I. E. interesiĝi pri novaj entreprenoj de kinematografo dokumentita kaj eduka, sub kondiĉoj kiuj ŝajnas esti interesaj. Oni al ni proponas ankaŭ kunlabori por la kreado de instrua materialo sur internacia bazo. Tiu lasta propono ne estas ankoraŭ precizita, kaj ĝin sendube antaŭos enketo pri la bezonoj de lernejoj kiuj volas elvoki spontanan agemon de lernantoj, sur la bazo de ilustritaj kaj alispecaj dokumentoj. Fine, F-ino Rotten unuflanke kaj la Ĝeneva Oficejo aliflanke devis sin okupi pri pedagogiaj vojaĝoj kiuj, en proksima somero kaj en 1927, venigos al Eŭropo la profesorojn el Ameriko kaj Egipto.

Kiel oni vidas la laboro neniel mankas. La B. I. E. estas lancita. Ĝia deziro kaj ĝia vivmotivo estas havigi servojn, ĉiam pli kaj pli. Ĝi finas tiun ĉi unuan kronikon per memorigo ke ĝi bezonas apogon, financan kaj moralan, de ĉiuj kiuj komprenas kion ĝi volas fari, kaj per tre kora danko al ĉiuj diverslandanoj kiuj bonvolis jam helpi ĝin de iliaj monkolektoj, informoj, konsiloj. Ĝi certe ankoraŭ alvokos ĉiam pli grandan nombron da korespondantoj kaj da bonvoloj.

---

*Malpleje timas la morton tiuj homoj kies vivo estas plejvalora*
Kant

*

*La plej potenca aĵo en la mondo estas tio, kion oni ne vidas, ne aŭdas, ne palpas.* Lao Tse

*

*Laboro estas ĝojiga nur kiam ĝi estas nepre necesa.*
Tolstoi

*

*Al la aliaj pardonu multon, al si nenion*
Publius Sirus

*

*Se vi deziras, ke oni bone diru pri vi, ne diru bone pri vi mem.* Pascal

*

*Malpacu kun peko, paciĝu kun pekulo.*
Tolstoi

*

*Venku koleron per mildeco, malbonon per bono, avarulon per donacado, mensogulon per veremo.* Ĝamapada



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



# Naciaj kongresoj.

## IV-a Aŭstria Kongreso.

**Graz, 22-24 Majo 1926.**

Ĝi bone sukcesis. Ĉiuj partoprenintoj estis agrable surprizataj per la pentekosta numero de „Illustrierte Woche", kiu montras bildojn de meritplenaj samideanoj en Stirio, de loka grupo en Graz kaj enigmon, kies nigraj kvadratetoj formis la vorton „Esperanto".

Dimanĉe je la 8-a okazis katolika diservo en Esperanto kiu estis multe vizitata. La meson diris kanonika moŝto D-ro Franz Puchas kaj predikis pastro Josef Schmidt el Gamlitz. Dume oni kantis esperantlingve la kortuŝan „Deutsche Messe" de Franz Schubert. Antaŭ la preĝejo disvendiĝis „Grazer Volksblatt", kiu enhavis esperantlingvan bonvenon al la kongreso kaj artikoloj de aŭtoritatoj pri nia movado.

Je la 10.30 horo okazis en la konsiladejo de l' Urba Deputitaro la solena malfermo de la kongreso. Ĉeestis registarano Georg Gass, kiel reprezentanto de la landestro D-ro Anton Rintelen, protektinto de la kongreso kaj la urbestro de Graz S-ro Vinzenz Muchitsch, la reprezentantoj de aliaj aŭtoritatoj kaj gravaj korporacioj. Oni elektis sinjorojn kolonelkuraciston D-ro Wilhelm E. Dietl, Hugo Steiner (Wien), Willibald Rogler (Graz) prezidantoj; Josef Mader, generalsekretario kaj S-ro Neumaier (Saalfelden), Werner (Wien) sekretarioj de la kongreso.

Salutis la kongreson S-roj Gass kaj Muchitsch germanlingve, Steiner por AED, Pargaetzi por la Aŭstriaj fervojoj, D-ro Crlenjak (Zagreb) kaj Zvenko Rehovič (Zagreb) por la Sudslava Kongreso en Marburg (Maribor), S-ro Hans Jakob-Notz, Direktoro de UEA, por I. C. K. kaj UEA, D-ro Halbedl por I. S. A. E., I. S. E. J., T. L. O., I. K. U. E., A. K. L. E., Hirz (Wien) por T. P. L., S-ro Rückl por la Landa Asocio de Stirio por fremdultrafiko, la reprezentantoj de la Aŭstriaj liglandoj esperantlingve. La esperantajn paroladojn majstre germanigis S-ro Smital el Wien.

S-ro Steiner resumis germane la staton de nia movado ĉie kaj speciale en Aŭstrio kaj vekis grandan intereson. Salut-telegramojn oni sendis al la respublika prezidanto de Aŭstrio, D-ro Hainisch, la Kanceliero de Aŭstrio D-ro Ramek, prezidanto de I. C. K., D-ro Privat.

Post kantado de la himno la kunsido estis fermata.

Posttagmeze laborkunsido, dum kiu oni aprobis unuanime la decidojn de Locarno.

Je la 18-a komuna fotografado antaŭ la operejo.

Vespere en „Gagistensaal" solenigo de la 20 jara ekzisto de la loka grupo Graz, dum kiu profesoro A. Hainschegg brilis per belega parolado en Esperanto pri nia movado. Koncertkantistino Poldi Nedelkovits prezentis Esperanto-ariojn, speciala grupo en stiria kostumo ĉarmegajn popoldancojn, S-ro Wallner pruviĝis ree kiel bonega humoristo.

Lunde antaŭtagmeze laborkunsido, dum kiu oni konstatis, ke Esperantismo kaj Paneŭropa-movado ne estas identaj. Intertempe alvenis dudeko da kongresanoj el Maribo, gvidataj de S-ro Stefanković.

Posttagmeze ekskurso al Maria-Trost, kiun partoprenis multaj kongresanoj malgraŭ pluva vetero.

Marde jam ne plu flirtis niaj flagoj sur la urba domo, ĉefstacidomo kaj kongresejo. Flageto nur allogis al la Esperanto-ekspozicio, kiu estis bone atentata de la publiko. *A. H.*

## VIII-a Brazila Kongreso de Esperanto.

Sekve de la prokrasto de la Oka Brazila Kongreso de Geografio, okazonta ankaŭ en Victoria dum la monato Majo, estas prokrastita la Oka Brazila Kongreso de Esperanto. Ĝi okazos de la 21-a ĝis la 24-a de Novembro de la nuna jaro, sub la honora prezido de D-ro Florentino Avidos, prezidanto de Ŝtato Espirito-Santo.

La Organiza Komitato, kies prezidanto estas D-ro Carlos Xavier Paes Barreto, ĝenerala sekretario de la ŝtata registaro, vigle klopodas por ke ĝi estu pli brila ol la antaŭaj.

Krom multaj brazilaj esperantistaj asocioj, jam aliĝis al la kongreso: Urba Konsilantaro de Pau Gigante, Klubo de Inĝenieroj de Rio de Janeiro, Societo de Geografio de Rio de Janeiro, Asocio de Komercoficistoj en Rio de Janeiro, Komerca Asocio de Rio de Janeiro, Federacio de la Brazilaj Komercaj Asocioj, Brazila Katolika Unuiĝo, Fakultato de Filozofio, Nacia Societo de Terkulturo, Federacio de Brazilaj Skoltoj kaj Kolegio Palacios, el *Cachoeiro do Itapemirim.*

* * *

## 17-a Brita Esperanto-Kongreso.

**Huddersfield, Majo 22—25.**

Malgraŭ la ĝenerala striko, la samideanoj en Huddersfield laboradis por fari la necesajn aranĝojn por tiu ĉi Nacia Kongreso. Iliaj penoj ne estis senfruktaj aŭ vanaj ĉar ĝuste unu semajnon antaŭ pentekosto la striko ĉesis. Malfeliĉe, pro la manko de regula fervoja servo (malpli ol 50% da vagonaroj estis en la servo) multaj samideanoj ne povis veturi. Tamen ĉiuj ĉeestintoj konstatis ke la aranĝoj estis bone faritaj. Ĉirkaŭ 110 personoj ĉeestis. Majo 22 sabato matene. Vizito al drapfabrikejo de Kaye kaj Stewart. Posttagmeze, vizito al Kirklees Parko kaj Abatejo. S-ro Goldsmith, sekretario de B E A en Londono alparolis grupajn kaj federaciajn oficistojn en la Teknika Kolegio pri la sugesto dividi la mezlandan federacion en kvar federaciojn. Tiu sugesto estis multe diskutita kaj fine aprobita. Metodoj de propagando ricevis multe da atento kaj kun tiu celo S-ro Goldsmith sciigis ke la B E A intencas eldoni 10 000 numerojn de „International Language" en Septembro kiel specialan propagandilon.

Vespere, okazis la ĉiujara kunveno de la Brita Esperantista Asocio. S-ro John Merchant prezidis. Dum la membroj kunvenis, kantistaro konsistanta el geknaboj, prezentis Esperantajn kantojn. Je la 7a horo, la urbestro, Alderman Law Taylor, bonvenigis la delegitojn per kelkaj esperantaj frazoj. Li publike anoncis sian subtenon al Esperanto. S-ro J. Merchant proponis dankojn al la urbestro kaj S-ro Ernest Woodhead, eminenta ĵurnalisto kaj partposedanto de „Huddersfield Examiner" ĵurnalo favora al Esperanto, subtenis la proponon. Li diris ke li forte konvinkiĝis pri la neceso kaj utileco de la lingvo. La ĉiujara kunveno de BEA tiam komenciĝis kaj la raporto estis kontentiga. Pro manko de financaj rimedoj la asocio ne povis fari kiel dezirite sed pro la pli severa kontrolo kaj la entuziasma laboro de la nova sekretario kune kun la pli bona oficejo okupota en Januaro 1927 pli prospera periodo povos esti atendata.

Sekvis kunveno de la Konsilantaro, kiu finiĝis je la 10a horo. Monkolekto por helpi la organizintojn de la Viena Kongreso estis farita kaj rezultis pli ol £ 6—0—0 (ses funtoj). Majo 23 dimanĉmatene. Vizito al Parko Greenhead. Oficiala fotografiado.

Bildo aperis en „Yorkshire Observer". Komuna Lunĉo en Princess Kafejo post kio, kelkaj ĉeestantoj (S-ro Merchant, S-ro Harvey, S-ro R. Robertson kaj aliaj) parolis pri la bona laboro por sukcesigi la kongreson kaj multe dankis S-ron Hirst kaj ĉiujn aliajn Huddersfieldajn samideanojn. Vespere okazis temanĝo kaj je la 7.45 granda koncerto en Princess Kafejo. Posttagmeze, esperanta diservo en la ĉefa preĝejo. Oficis Pastro A. J. Ashley kaj Kanoniko Baines, 200 personoj ĉeestis; monkolekto farita por la Reĝa Malsanulejo sumiĝis ĝis £ 3—12—0.

Majo 24 lundo. Aŭtomobila ekskurso al Buxton, vaga ekskurso al Wessenden Valo kaj vespere granda kostumbalo en la ĉambrego de la Teknika Kolegio.

Majo 25 mardo. Vizito al fama „Ravensknowle Muzeo" kaj vespere neformala amuzkunveno.

Ĉiuj aferoj marŝis tre bone kaj la propagando farita varbos multajn novajn adeptojn. *W. H. Hirst.*

* * *

## III-a Ĉeĥoslovaka Esperantista Kongreso.

**Bratislava, 1—2-a de Majo.**

El 234 aliĝintoj partoprenis pli ol 200 samideanoj. Unu sola rigardo al geografia karto de Ĉeĥoslovakio montras, ke la nombro estis sufiĉe granda. Nenio estis fuŝita! Belega urbo, bonega vino, riĉa programo, malmulta tempo por laboroj, ĉio modele preparita de niaj lertaj amikoj en L. K. K. La urbestraro protektis kaj reprezentiĝis ĉe la malferma kunsido.

Jam vendrede amika vespero. Bonvenoj, manpremoj, gaja humoro, vizito ĉe novvinejo. Ne multaj ĉeestis. La plimulto sidis tiutempe ankoraŭ en vagonaroj rapidante al la kongresurbo.

Sabatan antaŭtagmezon okazis la solena malfermo en historia spegulĉambro de la Primasa palaco. Oni parolis ĉeĥe, germane, slovake, hungare, hispane kaj ankaŭ esperante. Amasego da salutleteroj kaj telegramoj, alparoloj de la reprezentantoj de la urbestraro, de la gazetoj, de la ĉefrabeno, de delegitoj de multaj lokaj grupoj kaj jam oni devis rapidi al tagmanĝo por veni ĝustatempe al la teatra prezentado. Dokumentoj de multa peno kaj bonega volo ĉe la gvidanto kaj ĉiuj amatoraj aktoroj. Speciale laŭdinda entuziasmo ĉe la knabinoj el Pezinok. La horoj pasas rapidege, iom da promeno tra la urbo kaj jen la unua laborkunsido. La kongresejo duonplena. La plimulto de la kongresanoj vojaĝis la tutan nokton, de la stacidomo ili rapidis al la solena malfermo, post tagmanĝo jam sidis en la teatro kaj devos ja partopreni ankaŭ la komunan vespermanĝon . . . sekve nun ili iomete ripozas en la hoteloj. La vespermanĝon kun interesa kabareda kaj koncerta programo jam partoprenas ĉiuj ĝis noktomezo.

Dimanĉan matenon multaj en la preĝejo aŭskultis esperantan predikon kaj jen la dua laborkunsido kaj fermo de la kongreso. La spegula ĉambro ree plena, oni vigle diskutas kaj nerimarkite venas la fino.

Posttagmeze oni ekskursis al Dĕvín, interesa ruino de malnova kastelo. Regis la vera, gaja humoro, tiom konata el ĉiuj niaj kongresoj esperantistaj. Vespere allogis la novvinejo la restojn de la kongresanaro.

Nur ses horoj estis por la kongresaj laboroj. Oni aŭdis raportojn pri Ĉ. A. E., G. E. L., kelkajn vortojn pri UEA. Oni decidis danki al diversaj ministerioj, gazetoj, foiroj, kiuj subtenas nian aferon kaj instigi aliajn, kiuj ankoraŭ hezitas doni la subtenon.

Plej interesaj estis la debatoj pri organiza problemo en Slovakio, kie la samideanoj preferus unu ŝtatan, internacian societon, anstataŭ Ĉ. A. E. kaj G. E. L. Unu internacia lingvo — unu internacia organiza centro! La reprezentantoj de la naciaj societoj klarigis, ke la nacia karaktero de niaj naciaj societoj devas esti konservata pro ilia rolo ludata en la neesperantistaj naciaj sferoj. Tamen la kongreso voĉdonis rezolucion, kiu almenaŭ parte devas kontentigi la samideanojn en Slovakio.

La kongreso estis bela, ĝi certe multe helpos al samideanoj en Bratislava, ĉio funkciis modele, ĉiuj estis kontentegaj, eĉ la kasisto, kiu fiere fermis la kongreskonton sen deficito.

Venontjare okazos la IV-a kongreso en Teplice Ŝanov = Teplitz-Schönau. Al la preparontoj de la kongreso mi rekomendas: forigu la nacilingvajn alparolojn kaj la senfinan salutadon de la lokaj delegitoj el la malferma kunsido, donu pli da tempo al la kongresaj laboroj. Unufoje dum la jaro kunvenas multaj esperantistoj; ili aŭdu en Esperanto pri ĉiuj esperantaj aferoj. La landaj kongresoj estas ja aranĝataj de naciaj societoj, sed ili devas utili ne nur al iliaj celoj. *Skl.*

* * *

## Finnlanda Esperantista Kunveno en Vaasa.

Pentekoste okazis kunveno de ostrobotniaj esperantistoj en urbo Vaasa. La kunveno estis aranĝita de la Esperanto-Asocio de Finnlando kaj la ĉeestantojn bonvenigis la prezidanto de la asocio, staciestro H. Salokannel, kiu faris paroladon pri la progresoj de Esperanto en eksterlando. Kiel sekretario funkciis instruisto Ilmari Manner el Laihia. Sekvis tre vigla kaj interesa diskutado pri la plej bonaj rimedoj plivigligi la movadon en Finnlando, precipe en Suda Ostrobotnio. Kiel taŭgaj rimedoj estis konsiderataj: a) ĉefe la propagando per la gazetaro, b) paroladoj en lernejoj, ideaj kaj fakaj societoj, precipe en iliaj kunvenoj kaj festoj, c) revivigo de malvivaj kaj fondo de novaj Esperanto-societoj, d) interesigo de eminentuloj, gazetistoj, instruistoj, negocistoj ktp. je nia lingvo, e) aranĝado de ekspozicioj, f) havigo de rondiranta sekretario, kiu farus la paroladojn kaj aranĝus la aferojn de la societoj, sed ĉar tio postulas multe da mono, estas nepre necese, ke g) ĉiu societo kaj ĉiu izola esperantisto tuj aliĝu al tutlanda centra organizacio, Esperanto-Asocio de Finnlando (adreso de la sekretario: Erkki Turunen, Minna Canthinkatu 58, Kuopio). Nur unuanimeco formas nian forton, sen ĝi ni estas malfortaj. La kunveno, kiu sukcesis tre bone, finiĝis per kantado de „La espero."

La kunvenon ĉeestis germana kaj estlanda esperantisto kaj samideanoj de pluraj lokoj de Finnlando. Post ĝi okazis aŭtomobilekskurso al Antikva Vaasa, kies historiajn kastelruinojn, preĝejon k. a. oni rigardadis kun intereso.

* * *

## Franca Kongreso en Paris.

Por la nuna jaro la Societo franca por la propagando de Esperanto invitis siajn anojn al la granda metropolo Paris por festi sian jaran kongreson. La belega pentekosta vetero allogis grandan nombron da samideanoj el ĉiuj partoj de Francujo. En la kunsidoj oni povis meze kalkuli ĉiufoje 250 personojn. Dimanĉon la 23 Majo matene en la salono de la urbdomo de l' 5-a distrikto (apud Panthéon) okazis la kunsido de la Pariza Federacio. Prezidis ĝin lerte S-ro Warnier. Ĉeestis inter la granda nombro da malnovaj kaj famaj esperantistoj S-ro Bauer, reprezentanto de l' subsekretariejo de la Teknika Instruado. Vigla diskuto kuntenis la ĉeestantojn ĝis post tagmezo.

Je la 1 h. laŭ invito de la grupo de Paris okazis komuna bankedo en la bele aranĝita Restaurant Universitaire. Ankaŭ tie S-ro Warnier montris sian grandan talenton afable kaj sprite vivteni agrablan kontakton inter grandnombra kongresanaro. Post la manĝo alparolis la kongresanojn en franca lingvo S-ro Lallemand, prezidanto kaj membro de la Franca Akademio de l' Sciencoj, kiu alte taksas la valoron de Esperanto kaj promesis ĝian favorigon, S-ro Guilleaume, Direktoro de la Internacia Instituto de Pesoj kaj Mezuroj, kiu brilis pro aparta spriteco de liaj diroj; sekvis S-ro Archdeacon, la prezidanto de SFPE, senlaca pioniro de nia afero, kaj S-ro Trautner, prezidanto de la Asocio de instruistoj por eduko kaj patronado de l' junularo.

Parolis krome S-ro Thoulon, ĉefadjunkto de l' Komerca Ministerio oficiale reprezentita, S-ro Pierrotet, urbestro de l' 5-a distrikto, kiu per gaja historieto rikoltis grandan aplaŭdon. Ne mankis S-ro Bauer kaj la ĉiam agema ĝenerala sekretario de SFPE S-ro Couteaux. En nomo de I. C. K. en Genève S-ro Robert Kreuz alportis la bondezirojn de la komitato kaj de UEA, speciale akcentante la necesecon de internacia kunlaboro. Li levis sian glason por honori la gastamecon de Francujo, kiun li, gasto de la francaj amikoj, havis la plezuron ĝui dum tiuj tagoj. Por propagandi al la ĉeestantaj oficialuloj 6 eksterlandanoj diris mallongan frazon nacilingve kaj poste en Esperanto. Ne estas dubo pri plej bona impreso.

Iom malfrue komenciĝis je la 16 h. la diskutoj de l' kongreso kun tre ampleksa programo. La raportoj montris, ke malgraŭ la ekonomiaj malfacilaĵoj la franca movado progresis bonege en lasta jaro kaj ke la venonta epoko certe alportos novajn, gravajn sukcesojn. La kunsido montris, ke la estraro de SFPE (S-ro Archdeacon, Generalo Bastien, D-ro Vanverts, D-ro Couteaux kaj S-ro Petit) kaj la diversaj komisionoj senlace plugas sian laborkampon. Oni ankaŭ aparte esprimis la necesecon, ke SFPE atentu pri la internacia kunlaboro. Specialan kontentigon kaŭzis la sciigo, ke dank' al la intertraktoj de Locarno kelkaj malfacilaĵoj, aperintaj en tiu afero en lasta jaro, estas forigitaj.

La tempo preskaŭ estis tro mallonga por priparoli ĉion kaj kun granda ŝarĝo de prilaborota materialo al la estraro finiĝis la diskutoj.

Pentekostan lundon la gekongresanoj faris belegan ekskurson al St. Germain-en-Laye per ŝipveturo sur la Seine. Ĉiu havis sian difinitan rolon. S-ro Warnier la nelacigebla plezurestro zorgis pri ĉio kaj ĉiu. Multaj seriozaj priparoloj ankoraŭ okazis, sed poste sekvis la plezura parto kun danco laŭ radio-koncerto, kaptita per improvizita radio-akceptilo (la Internacia Radio-Asocio montris, ke eĉ tie ĝi estas je sia posteno). D-ro Couteaux sinsekve anstataŭis S-ron Warnier. De tagmezo ĝis la 4 h. la gekongresanoj promenadis en St. Germain. Poste oni reveturis kaj preskaŭ malĝoje pro la jama fino la partoprenintoj adiaŭis je la 21 h. ĉe la elŝipiĝejo je la Placo de l' Konkordo. Dume jam flugis la laboremaj plumoj de l' gazetara komisiono (S-roj Delanoue kaj Agourtine).

Resume: Tagoj de serioza raportado kaj laboro. Se ni priskribas ĉefe la amuzan parton, tio okazas, ĉar ankaŭ ĝi ludas gravan rolon en nia afero. Bazas ja nia laboro grandparte sur interkonsenta kaj amika kunlaboro, kiu ĉiam estos plej certa fundamento por defendi nian pozicion, en kiu ĉies helpo estas nepre necesa kaj dankinda.

*

## Komerca Tago de „Esperanto et Commerce" en Paris.

Okaze de la internacia foiro de Paris la Societo „Esperanto kaj Komerco" aranĝis dum pentekosto unuan fojon Komercan Tagon. Okazis interesa diskuto pri Esperanto en la Komerco. S-ro M. Dénis raportis pri la progresoj de Esperanto en komerca sfero. Poste S-ro Grandjean (eltrovinto de la stenotipmaŝino Grandjean) klarigis sian projekton de l' fondo de akcia kompanio por ekspluado de Esperanto. „Esperanto kaj Komerco" do transformiĝos en tian kompanion, kies bazo estas tre serioza por- kaj per-esperanta laboro. La duono de l' antaŭvidita akcia kapitalo de 20000 fr. frk. por la unua jaro dum la amika bankedo poste okazinta en la foira tereno estis tuj subskribita de interesitaj personoj. Sur la listo ankaŭ troviĝas la nomo de UEA.

Kiel gastoj ĉeestis i. a. Prof Cart, D-ro Corret, S-ro A. Baudet, vicprezidanto de la K. Ĉambro de Paris kaj S-ro Rob. Kreuz, Genève, kiu transdonis la salutojn de I. C. K. kaj reprezentis la foiron de Frankfurt a. M.

## VIII-a Hungarlanda Esperanto-Kongreso.

(23—24 Majo en Gyöngyös).

Serenaj tagoj, konkordo kaj laboro, agrabla kunesto en amika rondo, jen la karakterizo de la hungara kongreso. Ĉeestis proksimume 80 personoj, inter ili ankaŭ gastoj angla, ĉeĥoslovaka kaj transilvania. La kunsidoj okazis en la malnova urbdoma salono. En la nomo de la urbestraro la vicurbestro S-ro Ernesto Orosz malfermis la kongreson per neatendita efika parolado klarigante la ekzistrajton de Esperanto apud la gepatra lingvo. Por honora prezidanto oni elektis D-ron L. Lóránd, prezidanto prof. F. Hugai, delegito de UEA en Gyöngyös, kiu en sia moderna privatlernejo instruas nian lingvon kaj gastigas la lokan grupon. Salutis la kongreson per delegito aŭ skribe la Hungara Asocio por eksteraj aferoj, la Feminista Societo de Budapest, la studentaj societoj „Turul" kaj la sikulaj studentoj „Szefhe", la Internacia Esperanta Fervojista Asocio, Internacia Radio-Asocio, UEA, Internacia Centra Komitato de Esperanto, Aŭstria Esperanta Delegitaro, Londona Laborista Klubo, la universitataj profesoroj D-roj Pázmány kaj Röhrer el Pécs, Blindula Societo, Hungara Esperanta Societo, Hungara Esperanta Laborista Societo kaj pluraj Esperanto-grupoj.

La efiko de la kongreso estis tre granda kaj la multaj decidoj, la apartaj kunsidoj de HES kaj UEA multe seriozigis la kongreson. Laŭ kutimo la kongreso telegrafe salutis la regnestron de Hungarlando. Apartaj saluttelegramoj iris al Romain Rolland kaj al universitata profesoro D-ro Pázmány de Szilas. La kongreso voĉdonis deziresprimon, ke la urbo Budapest oficiale invitu la universalan kongreson por 1929, pri energia helpo al la revuo Literatura Mondo, por la vizito de pastro Ĉe al Hungarlando, pri la neceseco de kunlaboro kun la laboristaj grupoj. La kongreso rekonis la nepran necesecon de forta UEA kaj alvokis ĉiujn Esperantistojn por energie subteni la Universalan Asocion, kiu devas resti neŭtrala, same kiel la Ruĝa Kruco. Oni klarigis ankaŭ la gravecon de Internacia Radio-Asocio.

La unuan vesperon okazis bankedo kun danco en la hotelo „Hungaria", la duan tagon memorfesto pri prelato Giesswein kaj poste ekskurso tuttaga al la montaro Mátra. Multajn kongresanojn gastigis familioj de la urbo, kiuj per tio donis pruvon pri la konata hungara gastamo.

La plena sukceso de la kongreso pruvis la fortecon de nia movado kaj instruis, ke ni neniam dubu, sed energie kaj decide laboru. La sukceso estas dankebla precipe al la nuligo de ĉia kotizo, la senpaga gastigado kaj al la modela laboro de la aranĝintoj. *P. B.*

* * *

## II-a Nederlanda Kongreso en Nijmegen.

En la granda salono de la koncertejo okazis sub la honorprezidanteco de la urbestro la II-a Nederlanda Kongreso. Pro malsano de la urbestra reprezentanto, S-ro D-ro Nelte, germana konsulo en Nijmegen, per entuziasmigaj vortoj malfermis la kongreson.

La elektita prezidanto por la unua tago, S-ro Jr. Isbrücker, kore bonvenigis la aŭtoritatojn kaj la 200 kongresanojn, inter kiuj estis 40 germanoj. Laŭ propono de la prezidanto saluttelegramo estas sendata al la holanda pioniro S-ro Dreves Uitterdijk. Post la solena malferma kunsido kaj la komuna tagmanĝo, je la 8-a okazis granda propaganda festvespero. La reĝa kantunuiĝo de Nijmegen kaj multaj aliaj personoj sukcese kunlaboris. Post paroladoj, inter kiuj de F-ino Gertruda Adrian el Münster pri kursoj per radio, de S-ro Heilker, la prezidanto por la 2-a tago kaj de S-ro Wilmink el Köln, oni dancis kaj amuzis sin ĝis la 1.30 horo matene.

Dimanĉon matene diservo. Ekskurso posttagmeze al Kleve bonege sukcesis.

Lundon matene ekskurso al Beek. Ne oficiala federacia kunveno prezidata de S-ro H. J. Blokker. Posttagmeze je la 3-a la lasta kunveno okazis. Plenplena estis la salono. En tiu ĉi kunveno oni decidas starigi daŭran komitaton por la naciaj kongresoj kaj sendi telegramon al la ministro de instruado por pli efikigi petskribon de nia ligestraro pri la enkonduko de Esperanto en la malaltgradajn lernejojn. Ankaŭ la ebleco enkonduki kursojn per radio estas priparolata. Ĝojiga estis la fakto, ke unu el la komunuma konsilantarano deklaris je la fino, ke li pro la ĉeesto de la kongreso fariĝis adepto de nia movado kaj lernos Esperanton. Post la deziresprimo, ke multaj sekvu lian ekzemplon, la prezidanto dankante la kunlaborantojn fermis tiun ĉi sukcesplenan kongreson. *W.*

* * *

## VII-a Kongreso de Pola Esperanto-Asocio

en Vilno estas prokrastita pro la politikaj okazintaĵoj en la lando. Ĝi okazos en la sama urbo kredeble la 27—29 Junio 1926. *J. S.*

* * *

## III. Sudslava Esperanto-Kongreso.

**Maribor, 23—24 V. 1926.**

Al ĉijara sudslava kongreso, protektata de S-ro D-ro Leskovar, la urbestro de Maribor, alvenis pli ol 300 esperantistoj el ĉiuj regionoj de la ŝtato. Dum la impona solena malfermo ĉeestis ĉiuj urbaj aŭtoritatuloj, kiuj kun simpatio salutis la kongreson. Dum la posttagmeza laborkunsido oni konstatis laŭ la raportoj, ke nun la Sudslava Esperantista Ligo enhavas 28 bone funkciantajn societojn kun ĉirkaŭ 840 organizitaj membroj. Baldaŭ fondiĝos en kelkaj lokoj novaj kluboj. Dum la pasinta jaro vizitis esperantajn kursojn en tuta ŝtato ĉirkaŭe 750 personoj. Interalie oni akceptis principe la proponon pri la federigo de la landa movado. Aplaŭde estis akceptita sciigo, ke esperanta instituto estas fondata. Oni faris ankaŭ kelkajn decidojn por certigi la financan bazon de la S. E. L. Poste oni debatis pri la maniero de propagando en la venonta aŭtuno. Kiel sidlokon de la venonta IV. Sudslava Esperanto-Kongreso oni konsideras la urbojn Novi Sad aŭ Zemun.

* * *

## Sveda Jarkunveno, Örebro.

Sveda Esperanto-Federacio jarkunvenis pentekoste en Örebro, urbo fama pro ŝufabrikado kaj pro la antikva reĝa kastelo. Sabaton je la 7-a vespere, la prezidanto Paul Nylen malfermis la kunsidon per rerigarda parolado pri la 20 jara historio de la Federacio kaj salutis bonvenon al la kvindeko da partoprenantoj. Por prezidi la jarkunvenon oni elektis S-ron Ernst Eriksson, parlamentano, por sekretarii S-ron H. Halldor. Ĉe kuna vespermanĝo oni interkonatiĝis, deklamis, kantis kaj babiladis ĝis malfrua horo.

Je la 9-a de Pentekosta dimanĉo kunvenis la Esperantista Societo de Instruistoj sub prezido de licea direktoro Sam Jansson.

Je la 10-3 kaj 7-9 S. E. F. havis siajn laborkunsidojn. Rajtigis reprezentantojn la grupoj de Eskilstuna, Falun, Ljnsdal, Ludvika, Stockholm, Vesteras, Örebro, el aliaj lokoj venis izolaj membroj. Tre enhava raporto de la estrara komitato estis legata, raporto de la Sveda Esperanto-Instituto kaj de la revizantoj. Oni danke malŝarĝis la komitaton. Oni vigle kaj amike diskutis multajn temojn de propagando, la gazeton kaj la gazetaron; pri radio ktp. Ni turnu nin al la provincaj dissendaj stacioj, ne al la ŝtataj. Oni rekomendis fondon de speciala ŝparkaso por ebligi al dezirantoj iri al la Danziga Universala Kongreso 1927. Vic-Prezidanton de S. E. F. oni novelektis S-ron Sam Jansson. Popolinstruisto Linus Andrén en Spennevad, je 37 km sude de Örebro, kun 20 el siaj infanoj koncertis svedajn kaj esperantajn kantojn.

Pastro Johannes Lindberg, subparoĥestro en Skoghall, per parolado en Esperanto: „Rerigardoj kaj perspektivoj mondlingvaj" rakontis pri sia idista tempo, sia reveno al Esperanto kaj esprimis plenan fidon al Esperanto. D-ro Sam Jansson parolis svede pri la profito de scioj, kiun oni gajnas per Esperanto.

En la Pentekosta lundo la Eldona Societo Esperanto havis jarkunvenon prezidatan de S-ro Halldor. La akciuloj aŭdis la raporton de la estraro kaj de la revizoroj; decidis dankan malŝarĝon kaj reelektis la estraron. Fine S-ro Paul Nylen prelegis pri la elparolado de Esperanto. D-ro Sam Jansson ankaŭ ne malzorgis la ekzamenadon, iom helpata de S-ro Nulén. Aŭskultis la prelegon de S-ro Jansson la rektoro de la urba gimnazio kaj la ĉefinstruisto de alia urba lernejo.

Ĉiuj partoprenantoj de la jarkongreso havis bonan impreson de la konstanta progreso de nia lingvo kaj ĝia movado, lernis el instruaj prelegoj en kaj pri Esperanto, povis saluti bonvenon al eminentaj revenintoj al Esperanto post pentata vizito ĉe ĝia „neleĝa ido", kion atestis ne sole la simpatia pastro citita, sed ankaŭ inĝeniero E. Halldin, samevolua, kiu observe aŭskultinte la kunvenon de ĝia komenco ĝis fino, per danka parolo konfesis ke Esperanto tamen estas la sola kaj vera lingvo internacia.

Multaj salutoj el aliaj landoj pligrandigis la senton de festo kaj de solidareco. *P. N.*

---

# *Al niaj bonvolaj kunlaborantoj*

*Ni ofte ricevas manuskriptojn por nia gazeto kiuj vidigas la fervoron kaj laboron de la aŭtoroj, pri kio ni povas nur tre tre danki. Sed plej ofte tiuj laboroj kaj fervoroj restas sen la esperita rezulto (enpreso de la manuskripto) ĉar ne estis eble — pro tiu aŭ alia kaŭzo — akcepti la verkaĵojn. Por eviti la malagrablajn rifuzojn, la perdon de tempo kaj afranko, ankaŭ de la laboro de la redakcio, estus tute prudente se la kunlaborantoj, kiuj intencas ion prepari por nia gazeto, akceptus jenajn petojn kaj konsilojn, kiel la fruktojn de la multjara redakcia sperto.*

***Kion ni ne akceptas:*** *unue la skribaĵojn neklarajn, malfacile legeblajn, fuŝliteritajn; se vi ne havas skribmaŝinon, se vi ne povas mendi la maŝinskribitan kopion, vi almenaŭ legeble, bele, klare, nerapide reskribu vian kreaĵon, kiun vi ja ŝatas. Poste, ni ne akceptas la traduk-tradukojn, t. e. la tradukojn faritajn ne el la originalo; ni ekz. hodiaŭ rifuzis tre bonan tradukon faritan el la germana traduko de unu rusa libro; en tiaj okazoj eĉ la plej sperta tradukisto faras tre ridindajn erarojn, ĉar li tradukas el la jam kriplita teksto. Trie, ni ne akceptas tro longajn pecojn, pro manko da loko. Ni ne akceptas tro sciencajn kaj tro infanecajn artikolojn. Ankaŭ ni rifuzas la akrajn politikajn, religiajn verkaĵojn kiuj povas aspekti neneŭtrale. Fine, vi ne sendu al ni traktatojn pri la utilo kaj neceso de la internacia lingvo, nek studojn pri nia lingvo, se vi mem ĝin ne ankoraŭ bone trastudis, nek artikolojn „lingvistikajn" se vi neniam studis la lingvistikon.*

***Kion ni akceptas:*** *Mallongajn artikolojn klare skribitajn nur sur unu flanko de la papero mezformata (ne uzu mikroskopan aŭ gigantan paperformaton). Prefere traduku el unuagradaj nuntempaj verkistoj de via propra lando. Temoj estu populare interesaj, — bela literaturo, vojaĝoj, socia vivo, teknika progreso, kutimoj, humoraĵoj, popular-sciencaj novaĵoj ĉerpitaj el la sciencaj fontoj (ne traduku el la ĉiutagaj ĵurnaloj, kiuj — kun malofta escepto — enhavas „blufan" materialon, trograndigitajn novaĵojn). Vizitu bibliotekon de via urbo kaj tie serĉu novajn librojn kiuj havigos al vi la materialon. Ĉerpi el la ĵurnalo kiun vi ĉiutage legas nacilingve estas plifacile, sed ofte senvalore.*

***Lasta peto:*** *ĉiam pensu pri la modesta . . . kompostisto kiun vi ne mortigu per via fuŝskribado, sed male skribu por li plej klare kaj legeble, lasante larĝajn marĝenojn kaj spacojn inter la linioj.* Red.

# Inaŭguro de la Zamenhofa Monumento.

La 18 de Aprilo je 11 h. matene okazis solena malkovro de la monumento. En la soleno partoprenis la Ŝtata estraro, reprezentata de ministro D-ro T. Grabowski. La tutan solenon organizis kaj gvidis delegito al la Monumenta Komitato de Pola Esperanto-Asocio, samideano Stanislaw Essigman.

Ĝi okazis laŭ sekvanta ceremonio: Apud la eniro en la tombejon kaj apud la monumento, staris la honora gardistaro, kun verdaj standardoj, konsistanta el la esperantista studentaro. La solenon inaŭguris prezidanto, samideano Stanislaw Essigman per klariga parolado, priskribanta la historion de la monumento kaj finis per la alvoko turnita al Prof. Bujwid, reprezentanto de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, malkovri la monumenton.



La kovrilo falis kaj aŭdiĝis la belsona melodio de nia himno, aŭskultita de la ĉeestintoj kun majesta silento kaj kortuŝo. Poste sekvis la paroladoj de Prof. Bujwid en la nomo de I. C. K. de ministro Grabowski en la nomo de la Ŝtata estraro, de Prof. D-ro Scherr en la nomo de Varsovia hebrea komunumo, de S-ro Mayzel, en la nomo de Varsovia Urba Konsilantaro, de D-ro Z. Bychowski, en la nomo de kuracista asocio de la Pola Respubliko.

Metis apud la monumento, la unuan florkronon de familio Zamenhof, la filo de la Majstro, D-ro Adam Zamenhof. Postsekvis lin, metante la florkronojn kun vortoj de respekto, reprezentantoj de esperantistaj organizoj: De Pola Esperanto-Asocio kaj Pola Studenta Esperantista Societo, samideano Leon Ferencowicz, en la nomo de Akademia Esperantista Rondo ĉe Juda Akademia Hejmo, samideano Zyssman, de amerikaj esperantistoj, samideanino Rood, de Danziga Esperantista Grupo, samideanino Tekla Essigmanowa, de Esperantista Rondo „Konkordo", samideano, D-ro Krenicki, de Pola Instituto Esperantista, samideano E. Wiesenfeld, de Universala Esperanto-Asocio, samideano A. S. Stankiewicz, vicdelegito en Warszawa. Krom tio esprimis apud la monumento la vortojn de danko de Tutmonda Esperantista Asocio Junulara, samideano Jerzy Weznicki, de la urbo Bialystok, naskiĝurbo de la Majstro, samideano Goldberg, de esperantistoj el Lwow, samideano Fels, de esperantistoj el Lodz, samideano Lejzerowicz. La lastan, bela̩, plenkortuŝan paroladon, havis nia elokventa, orbuŝa samideano, redaktoro kaj poeto Leo Belmont.

La soleno finiĝis per la himno „Espero", kantita de la tuta ĉeestantaro sub gvidado de speciale ekzercita ĥoro.

La tuta soleno de la komenco ĝis la fino, estis filmigita. La filmo estas ricevebla por ĉiuj.

La saman tagon samideanino Tekla Essigmanowa organizis, en la nomo de l' Monumenta Komitato, en la loĝejo de familio Zamenhof solenan vesperon. La muzika parto konsistis el kantoj de la eminentaj polaj kantistoj, nome S-ino Essigman-Ocetkowska, F-ino Franzel, S-ro Golebiowski k. a. Krome paroladis sinjoro Leo Belmont, Prof. Odo Bujwid, D-ro Leon Zamenhof. „La tagiĝon" deklamis samideanino E. Cense.

La vespero finiĝis kaj la ĉeestintoj foriris kun koroj premitaj, ĉar tiu por kiu estis destinita la vespero, jam estis for . . .

*St. Essigman.*




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu favorprezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Albanio:** Ital. Liroj: 12, 30, 125; **Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 4, 10, 20; **Aŭstrio:** Ŝil. 5, 12,50, 35; **Belgio:** Fr. 12, 30, 100; **Brazilo:** Milr. 5, 12,50 35; **Britlando:** Ŝil. 4, 10, 20: **Bulgario:** L. 100, 200, 750; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 4,—, 10,—, 20,—; **Estonio:** Mk. 200, 500, 1800; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 12, 30, 125; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 10,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 325; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Kr. or. 5, 10, 25; **Irlando:** Ŝil. 4, 10, 20; **Italio:** L. 12, 30, 100, **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 280; **Latvio:** L. 4, 10, 25; **Litovio:** L. 8, 20, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25, 12,50; **Norvegio:** Kr. 5, 12,50, 25; **Pollando:** Zlot. 6, 12,50, 40; **Portugalo:** Esk. 16, 40, 100; **Rumanio:** L. 120, 300, 800; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 1,50; Bulgario: 50 L.; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 50. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio. No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Franclando: No. 22176, Lyon. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Decidoj de la komisiono de UEA.** — La komisiono de UEA, demandita per cirkulero aprobis la kreon de jenaj teritorioj kaj elekton de ĉefdelegitoj:

*New York:* Ĉefdelegito: Berthold Schmidt, advokato, 12 East, 41 th. Street.

*Rumanio:* Ĉefdelegito: Tiberio Morario, Str. 11 Iunie 80, Bucuresti. (Ambaŭ — New York kaj Rumanio — estas elektoj de novaj ĈD).

*Brazilo:* Ĉefdelegito: D-ro Carlo Dominguez, Praça 15 de Novembro 101 2—0 andar Rio de Janeiro. Amplekso de la teritorio: La tuta lando.

*Apulio:* Ĉefdelegito: Profesoro Adam Lacalendola, Via Dante Alighieri 323, Bari, Italio. Amplekso de la teritorio: La 4 provincoj Bari, Foggia, Lecce kaj Taranto.

*Londono:* La komisiono de UEA aprobas plie la elekton de F-ino Clamp kiel sekretariino de UEA en Londono. Ĝi dankas samtempe al la Brita Esperanto-Asocio pro bonvola konsento, donita al F-ino Clamp, oficistino ĉe BEA, akcepti kotizojn en la oficejo.

Al la eksiĝinta sekretario S-ro Harry A. Epton, la komisiono esprimas sinceran kaj koran dankon pro fidela, konscia laboro plenumita dum pli ol dek jaroj en la interesoj de nia asocio.

**Korespondado:** Pro kelksemajna foresto de la Direktoro de UEA, la korespondado iom prokrastiĝis kion oni bonvole senkulpigu.

### Novaj Delegitoj:

**Turi,** Italio, Apulio. D. S-ro Giuseppe di Pinto, universitata studento, Via Regina, Margherita.

**Ubá,** Brazilo, Minas. D. S-ro José Gomes Braga, agrikulturisto.

**Upice,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Rudolf Trojan, Žižkova ulice 486.

**Vascauti,** p|C. Rumanio, Bukovino. D. S-ro Sigmund Lifsches, jura studento.

**Vielau,** Germanio, Sachsen. D. S-ro Alfred Möckel, instruisto, 38 C. Vielaŭ apud Zwickaŭ.

**Virovitica,** Sudslavio, Slavonija. D. S-ro Roko Pavokovic, fotografisto, Strosmajerova ulica 6.

**Vysoké nad Jizerou,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ino Růžena Pluhařová, edzino de ĉefkuracisto.

**Walsheim,** Germanio, Sachsen. D. S-ro Fritz Müller, superinstruisto en ŝtata punodomo, Härtelstr. 13.
VD. S-ro Herbert Jasper, komercisto, Bahnhofstr. 2.

**Wauwatosa,** Usono, Wisconsin. D. S-ro Fred. A. Hamann, instruisto de modernaj lingvoj. Esperanto Bungalovo 481, 54-th Str.

**Wellington,** Nov-Zelando. D. S-ro Lewis Edmund Dust, plumbisto, 30 Forres Str. Seatown.
VD. S-ro William Hudson King, poŝtoficisto, Postal Division Secretary's Office G. P. O.

**Winnipeg,** Kanado, Manitoba. D. S-ro Charles S. Davison, instruisto, 674 Warsaw Ave.
VD. S-ro Samuel A. Adams, elektristo, 493 Corydon Ave.

**Wirserum,** Svedlando, Smaland. D. S-ro Axel Albert Helm, mebloarĥitekto.

**Wolfenbüttel,** Germanio, Brunsvigo. D. S-ro Hans Stahl, aŭtografisto, Herrenbreite 5 I.

**Wolfville,** Kanado, Nova Scotia. D. S-ro Donald F. Munro, studento, P. O. Box 446.

**Wöllstein,** Germanio, Rheinhessen. D. S-ro Ferdinand Knoop, komercisto, Ernst Ludwigstr. 11.

**Wurzen,** Germanio, Sachsen. D. S-ro Richard Zeiler, instruisto, Eckhardtstr. 1.
VD. S-ro Arthur Hamm, instruisto, Georgstr. 6.

**Zbiroh,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Richard Hallada, fervojoficisto, Nádražní stanice.

**Zychlin,** Pollando, Warszawa. D. S-ro Romuald Soloniewicz, doktoro de medicino, Zychlin w. Warszawa.

### Ŝanĝoj:

**Oederan,** Germanio, Sachsen. D. S-ro Max Weitzmann, instruisto, Gerichtsstr. 12.
VD. S-ro Wilhelm Reichel, instruisto, Eselsweg 5.

**Orizaba,** Meksiko, Veracruz. D. S-ro Antonio Gallardo-Mendez, metaltornisto, Calle V. Riva Palacio 7.

**Portsmouth,** Britlando, Hampshire. D. S-ro Edward Long, martelisto, 117 Leesland, Rd. Gosport.

**Potsdam,** Germanio, Brandenburg. D. S-ro Paul Herrmann, urba oficisto, Margaretenstr. 23.

**Potštejn nad Orlicí,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro František Kopsa, tajloro, Zámĕl 102.
VD. S-ro Josef Chocenský, komercisto, Zámĕl.

**Puletschnei,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Ernst Weiss, vitraĵproduktanto No. 147.
VD. S-ro Erwin Appelt, vitraĵproduktanto, Schillerstr. 366, Reichenaŭ bei Gablonz a. N.

**Radebeul-Oberlössnitz,** Germanio, Sachsen. D. S-ro Willy Heinze, elektroinĝeniero, Oberlössnitz b. Dresden.
VD. S-ro Felix Grimm, mekanikisto, Gartenstr. 28 I.

**Riesa-Gröba,** Germanio, Sachsen. D. S-ro Karl Kröber, instruisto, Rittergutsstrasse 1 III bei Krüger.

**Sampierdarena,** Italio. D. S-ro Eugenio Rondini, kalkulisto, Via Andrea Doria 15-25.

**Schweidnitz,** Germanio, Schlesien. D. S-ro Richard Krause, fabrikposedanto, Freibergerstr.

**Stoke on Trent,** Britlando, Staffordsh. D. S-ro Evan Percy Barrat-Cocks, direktoro, 7 Birch Terrace, Hanley.

**Striegaŭ,** Germanio, Schlesien. D. S-ro Fritz Wächter, teknikisto, Ring 21.

**Syke apud Bremen,** Germanio, Hannover. D. S-ro Heino Lange, fervojoficisto Bahnhofsempfangsgebäude.

**St. Niklaas,** Belgio, Or. Flandro. D. S-ro Gérard de Boes, librotenisto, Prins Albertstraat 24.

**San Remo,** Italio, Imperia. D. S-ro Roberto Donetti, ĉambristo, Bussana ap San Remo.

**Tokio,** Japanio. Ĉefdelegito S-ro Yoshi H. Ishiguro, verkisto, Koojimaĉi P. O. Box 1.
D. S-ro Hirokazu Kaji.

**Torun,** Pollando, Pomorze. D. D-ro Ignacy Dziedzic, advokato, ul. Szeroka 43.

**Trento,** Italio, Trentino. D. S-ro Rag. Michele Bond, bankoficisto, Cassa di Risparmio.

**Turnov,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro František Řádek, faka instruisto, Štefánikova 429.

**Ulm a. D.,** Germanio, Württemb. D. S-ro Josef Engst, asekura oficisto, Herdbruckerstrasse 30.

**Valencia,** Hispanio. VD. S-ro Manuel Capliiure, oficisto, Calle San Vicente 162.

**Warszawa,** Pollando. D. S-ro Stanislaw Essigmann, dentisto, Marszalkowska 130.
VD. S-ro Antoni-Stanislaw Stankiewicz, ŝtata oficisto, Str. Kanonja 8.

**Westmount,** Kanado, Quebec. D. S-ro Philip Louis Pratley, inĝeniero, 5 Thornhill Ave.

**Wichita,** Usono, Kansas. D. S-ro Warren G. Davis, 252 South Chautauqua.

**Wilmington,** Usono, Delaware. D. S-ro Frank Stephens, paroladisto kaj artmetiisto, Arden.

**Wurgwitz** b. Dresden, Germanio. D. S-ro Herbert Beyer, komercisto, Gartenstr. 16.

**Zwolle,** Nederlando, Overijsel. D. S-ro Jan de Lang, fervoja ĉefkonduktoro, Assendorperdijk 26.

Genève, 1 Junio 1926.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

## Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

**Sidejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève**

### Cirkuleroj.

En Majo eliris la sekvantaj cirkuleroj: N-ro 8 (15. 5.), N-ro 9 (17. 5.) nur interna kaj ne sendita al faksocietoj, N-ro 10 (18. 5.) K. R.-anoj kaj societoj nericevintaj ilin pro iu kaŭzo bonvolu nin informi kiel eble plej baldaŭ.

### Propagandvojaĝo de D-ro Privat.

La prezidanto de I. C. K. post la kunsidoj en Locarno vojaĝis al Sudslavio laŭ invito de la tiea Ministro de Publika Instruado kaj de la Sudslava Esperanta Ligo por diskuti la preparadon de esperantaj instruistoj por lernejoj kaj konsiliĝi kun diversaj oficialaj administracioj. En Zagreb li prelegis esperante ĉe la Universitato sub prezido de Ministro Radiĉ kaj france en Komerca Ĉambro sub aŭspicioj de la loka Asocio por Ligo de Nacioj en ĉeesto de la diversŝtata konsularo. En Ljubljana li prelegis france kaj esperante en la Universitato sub prezido de la rektoro. La vizito kaŭzis grandan nombron da gazetartikoloj.

Poste D-ro Privat veturis Vienon, kie li vizitis la aŭstrian ministron de publika instruado kaj diversajn oficialulojn kun favoraj rezultatoj por nia afero.

### Vojaĝo de l' Ĝenerala Sekretario.

La ĝenerala sekretario de I. C. K. ĉeestis la Komercan Tagon de la Societo „Esperanto kaj Komerco" kaj la Kongreson de Societo Franca por la propagando de Esperanto en Paris dum Pentekosto kaj povis samtempe fari vicon da utilaj vizitoj.

### Dankesprimo.

Ni tie ĉi tre kore dankas al ĉiuj societoj, kiuj bonvolis sendi simpati-telegramojn al nia prezidanto aŭ afable respondi al niaj gratul-leteroj okaze de la pentekostaj kongresoj.

### Universala Kongreso de YMCA.

Tutmonda Kongreso de Kristanaj junulaj Unuiĝoj invitis oficiale I. C. K. sendi reprezentanton al siaj kunsidoj en Helsinki (Finlando) 1 ĝis 5 Aŭgusto. Unu el tiuj kunsidoj okazos en Esperanto. Esperantistaj partoprenontoj bonvolu sciigu nin per poŝtkarto, por ke ni sciu, kiu veturos kaj ĉeestos.

*Rob. Kreuz*
Ĝenerala sekretario

## Esperanto klara lingvo telegrafa en Ĉeĥoslovakio kaj Germanio.

La ĉeĥoslovaka ministerio de poŝto kaj telegrafo per dekreto datita de la 8-a de Aprilo deklaras Esperanton klara lingvo en la enlanda telegrafado, kun komenco de la 15-a de Aprilo nunjara.

En la internaciaj rilatoj Esperanto estos klara lingvo nur de la 1-a de Novembro 1926, laŭ la decido de la pasintjara konferenco de la Universala Poŝta Unio, en Parizo.

Simile ankaŭ la poŝta ministerio de la germana respubliko la 12-an de Aprilo deklaris, ke Esperanto estas klara lingvo en la enlanda telegrafado depost la 1-a de Novembro 1926. Tago de la ekvalido de la allaso de Esperanto en la internaciaj rilatoj.

## Esperanto ĉe la Radio-stacio de Praha.

Laŭ ĵus ricevita komuniko el Praha, 12-an de Junio vespere je la 18-a horo D-ro A. Bischitzky disaŭdigos german- kaj esperant-lingvan paroladon por Esperanto de la Radio-stacio de Praha (ondolongeco 368), Deutsche Sendung.

## Internacia Laborkonferenco kaj Esperanto.

*Ĉe la Oka Laborkonferenco nun okazanta en Genève organizita de la Internacia Labora Oficejo (Ligo de Nacioj) la laborista delegitaro faris jenan decidon:*

*„La Laborista Delegitaro de la Oka Kunsido de la Internacia Laborkonferenco, kiu spertis dum la kunsido la malfacilaĵojn kaŭzitajn pro la lingva diverseco kaj la neeblecon venki tiujn malfacilaĵojn eĉ uzante tri naciajn lingvojn, deklaras, ke la lingva problemo grave kontraŭstaras la rapidan plenan interkomprenon kaj kunagadon de diverslandaj laboristoj. Tial la delegitaro sugestas al la laboristaj organizaĵoj naciaj kaj internaciaj kaj ankaŭ al la membroj individuaj ke ili pripensu la eblecon uzi Esperanton kiel neŭtralan helpan lingvon internacian por solvi la problemon."*

*S-ro R. I. P. Mortished, irlanda laborista konsilanto, ĉe la konferenco submetis la deziresprimon. S-ro Mertens, belga laborista delegito kaj prezidanto de la delegitaro subtenis la aferon kaj diris, ke li submetos la decidon al la konsilantaro de la Internacia Federacio de Sindikatoj, kies vicprezidanto li estas. Subtenis ankaŭ S-ro Jaszai (Hungarlando) kaj S-ro Pugh (Britlando) dirante, ke en siaj landoj la sindikataj kongresoj jam decidis akcepti Esperanton. S-ro Curran, delegito de Sudafriko, deklaris, ke tuj post lia reveno en sian landon, li ĉeestos klasojn kiujn la tieaj sindikatoj jam starigis. Same favoris tiun decidon S-ro Serarens, sekretario de la Internacia Federacio de Kristanaj sindikatoj.*

*Ankaŭ inter la registara delegitaro troviĝis senditoj sciantaj Esperanton: Majoro Saralegui (Hisp.), S-ro Sakurai (Jap.)*

# Diversaĵoj.

## Londona Kongres-Komitato.

Oni starigis la supre-nomitan komitaton por la bonvenigo en Londono de la kongresanoj, kiuj intencas viziti Londonon antaŭ aŭ post la Kongreso en Edinburgo. La komitato faros aranĝojn por:

Akcepto ĉe Londonaj stacioj;
Hoteloj;
Bonvenigo ĉe la Londona Klubo (30-a Julio);
Diversaj ekskursoj al vidindaĵoj en kaj ekster Londono.

Por faciligi ĝian laboron, necesas ke la komitato sciu antaŭe la nombron de kongres-vizitantoj al Londono. Do, se vi vizitos Londonon, bonvole nepre skribu tuj al la

Sekretario de la Londona Kongres-Komitato,
B.E.A. Offices, 17 Hart Street, London, W.C. 1,

klare sciigante al li vian nomon, adreson, kaj daton de via alveno en Londono.

## Esperanto kaj la Junularo.

La 3-a Kongreso de la Internacia Ligo de la Junularo (Ligue Internationale de la Jeunesse) okazinta en Ĝenevo la 1-a ĝis 5-a de Aprilo 1926, al kiu partoprenis reprezentantoj de Franclando, Germanio, Danmarko kaj Svedlando, adoptis unuanime la sekvantan rezolucion:

*Konsiderante ke la internaciaj rilatoj kaj la interkompreno inter la popoloj estas grave malfaciligitaj per la diverseco de la lingvo;*

*konsiderante la neceson de la adopto de unu internacia lingvo neŭtrala kaj facila;*

*konsiderante ke Esperanto, jam disvastigita, instruita kaj utiligita praktike en multaj landoj, respondas al tiu bezono;*

*la Internacia Ligo de la Junularo invitas siajn naciajn sekciojn instigi en sia lando la disvastigon kaj la instruadon de la internacia lingvo Esperanto, kaj rekomendas al siaj membroj la lernadon de Esperanto.*

## Kiu volas viziti Anglujon?

La Societo Esperantista de Bradford jus starigis inter siaj anoj kaj ties amikoj ne-esperantistaj projekton por utiligi kaj montri la utilecon de Esperanto en la vojaĝo, kiu nomiĝis „Internacia vizitinterŝanĝklubo" kaj ni serĉas fremdlandan grupon kiu partoprenos bonkore en ĝi

Ni, anoj de la klubo, estas pretaj akcepti kaj gastigi ĉe niaj hejmoj fremdlandan esperantiston kiu bonfide konsentos reciproki la gastigadon en sia hejmo en venonta jaro. Ni limigas la nombron al ĉirkaŭ 30.

Tre povas esti, ke grupoj da esperantistoj el ĉu Belgujo, Germanujo, Holando, Svedujo aŭ aliaj landoj vizitos la Internacian Kongreson en Edinburgo, kaj estos kontentaj pasigi semajnon aŭ dek tagojn en Yorkshire, kaj al tiuj ni speciale turnas nin kun peto, ke ili partoprenu nian klubon. Tutegale ni turnas nin al esperantistaro kiu ŝatos viziti Anglujon kaj kiu ĝeniĝas pro loĝejelspezoj. (La kostoj sub nia projekto estas simple vojaĝelspezo kaj personelspezo).

Al interesataj grupoj kiuj havas emon partopreni la aranĝon mi estos tre feliĉa sendi plenan informon kaj regularon de aneco de la klubo kaj la akceptotan de fremdlandanaro kaj akceptatan de niaj anoj moralkondiĉon.

Kun samlingvana saluto

*John A. Calvert,*
Prezidanto de la Societo de Bradford
kaj Delegito de UEA,
54 Windermere Road, Gt. Horton (Bradford).

# Esperantista Vivo.

**Edziĝoj.** — F-ino *Elfriede Harstik,* ano 23476, kun S-ro *Arthur Peiserich,* ano 26410, ambaŭ en Hamburg.

— S-ro *H. Zayas Botell,* membro de l' grupo en Camaguey (Kubo) kun samideanino F-ino *Blanca Ferrer.*

— S-ro *Pedro Garcia,* Del. de UEA en Ceuta kun F-ino *Antonia Delgado Gomez,* el Viñuela.

**Honorigo.** — S-ro *Georgo Szabó,* VD de UEA en Gheorgheni (Gyergyószentmiklós), Rumanio, estas nomita abato de S. Katerino de Braŝovo

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto

---

**Problemo N-ro 176.**
D-ro *E. Palkoska*
(Ŝakgazeto „64", Moskva 1925)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 177.**
D-ro *Simaj-Molnár Aladár*
(Magyar Sakkvilág 1911)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 178.**
*J. Möller*, København
(Fränk. Volksblatt 1912)



Blanko matas per la 3-a movo

**Problemo N-ro 179.**
*H. T. Bailey*, London
(Originalo)



Sinmato per la 3-a movo

N-ro 176 surprizas per sia simpleco. La blokadmovo rezultigas kvar variantojn, kiuj estas kvazaŭ kunfandita tutaĵo. — N-ro 177 valoras nur pro la unua movo. — N-ro 178 malofta materia malriĉeco de la atakanto, kiu tamen sprite solvas sian, aliokaze malĝojan situacion. — N-ro 179 permesas grandan liberecon al la nigra damo, tamen la mato estas ĉiam la sama. Ĝi entenas du minacojn.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 172: 1. Dc4—a6, Ĉb4—c2, 2. Ke4×c2 m.; Ĉb4—d3, 2. Ke4×d3 m.; Ĉb4—d5, 2. Ke4×d5 m.; laŭvole 2. Ke4×c6 m.

N-ro 173: 1. Ĉc6—e5, Tc5—c7, 2. Tf7—f8 m.; Rc8—b8, 2. Dh1—b7 m.; Da1×e5, 2. Dh1—a8 m.; laŭvole 2. Dh1—h8 m.

N-ro 174: 1. Tc1—a1, e7—e6, 2. Da3×d6 ktp.; Ĉa6—c7, 2. Da3—b3 ktp.; Ĉ laŭvole, 2. Da3—b4 ktp.

N-ro 175: Estas necese kompletigi la problemon per blanka peono sur e6. Sen tiu ĉi peono estus eble solvi ĝin neĝuste per 1. Ĉc4.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

158, 159 P. Kreplin, Lübeck; 167, 168 Fr. Tesák, Praha; 169, 171, Et 4 G. Meyer, Wien.

*Korespondo:*

S-ro S. Frantz, en 167 ne rezultas mato post 1. Ĉg4, Ĉh2. — S-ro P. Kreplin, la poŝto transdonis Vian leteron post kvar monatoj, tial malfruiĝo.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko*. kĉl. = *kun ĉiuj landoj*. Esp-aĵo = *Esperantaĵo*. fot-aĵo = *fotografaĵo*. gaz. = *gazeto*.

---

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unuloje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al ŝia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

---

**Tarifo:**

**Korespondado:** Unu enskribo: 1.— frk. sv.
**Petoj kaj Proponoj:** 10 vortoj: 0.75 frk. sv.
**Reklamo:** Unu cm unukolona: 2.50 frk. sv.

**Naciaj prezoj:**

**Albanio:** 5, 3, 10 it. lir.; **Argentino:** 0.50, 0.40, 2 pesos oro: **Aŭstralio:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Aŭstrio:** 1.25, 1, 3.50 ŝil.; **Belgio:** 4, 3, 10 frk. belg.; **Brazilo:** 1.25, 1, 3.50 Milr.; **Britlando;** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Bulgario:** 30, 20, 60 levoj; **Ĉeĥoslovakio:** 6, 5, 10 kč.; **Ĉinio:** 0.25 0.20, 0.80 arĝ. dol.; **Danmarko kaj Islando:** 1, 0,75, 2,50 kr.; **Danzig:** 1, 0.75, 2.50 guld.; **Estonio:** 60, 50, 150 emk.; **Finnlando:** 6, 5, 20 fmk.; **Franclando:** 4, 3, 10 frk.; **Germanio:** 0.80, 0.60, 2 RM; **Greklando:** 12, 10, 30 dr.; **Hispanio:** 1,25, 1, 3 pes.; **Hungario:** 1, 0.75, 2.50 kr. oro; **Irlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Italio:** 5, 3, 10 lir.; **Japanio:** 0.50, 0.35, 1.25 jen.; **Jugoslavio:** 10, 8, 30 din.; **Latvio:** 1, 0,75, 5 lit.; **Luksemburgo:** 4, 3, 10 frk.; **Nederlando:** 0.50, 0.35, 1.25 guld.; **Norvegio:** 1, 0.75, 2 50 kr.; **Pollando:** 1, 0.75, 2.50 zlot.; **Portugalo:** 4, 3, 10 esk.; **Svedio:** 0.50, 0.40, 2 kr.; **Svislando:** 1, 0.75, 2.50 frk., **Turkio:** 25, 20, 60 piastr.; **USA., Kanado, Centra kaj Suda Ameriko, Antilioj, Kubo:** 0.20, 0.15, 0.50 dol.

---

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

---

### Afriko.

**Bulawayo** (Suda Rodezio). F-ino H. Mac Donald, 29-a Livingstone Road, Selborne Ave, PI, precipe kun ekstereŭropanoj.

### Britlando.

**Huddersfield.** F-ino Morton, Beaumont Street, Council School, serĉas korespondantojn por siaj lernantoj, geknaboj 12—14 jaraj.

**Stoke-on-Trent.** S-ro J. Barry, 39 Rothesay Rd., Normacot, L, PI kun japanoj, ĥinoj, rusoj kaj turkoj pri seriozaj temoj. Ĉiam respondos.

### Ĉeĥoslovakio.

**Braunau.** S-ro Vilho Zocher, PM kĉl., escepte Germanio kaj Aŭstrio. Ĉiam almenaŭ 200. Sama nombro de PM ĉeĥoslovakaj tuj ekspedataj.

**Landskron.** S-ro profesoro Albin Dewaty, deziras interŝanĝi germanajn beletristikajn librojn kontraŭ hispanaj kaj hungaraj verkoj.

**Olomouc.** S-ro Alois Vaněk, Hejčinská 21, L, PI, PM kĉl., nepre respondos.

**Pisek.** S-ro Antonin Franěk, Pražská 166, PM de estinta Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, PI de la urboj.

**Železnice u Jičína.** S-ro Jaromir Zajíček, redaktoro, PI, L kĉl., escepte Aŭstrio kaj Germanio.

### Franclando.

**Neuilly-sur-Seine.** S-ro Ernest Archdeacon, Yacht „Esperanto", Port de Longchamp, L kaj PK, speciale pri la esperanta movado kaj progreso kun kleraj esperantistoj.

**Vincennes (Seine),** S-ro Paul Joussot, 104 rue de Montreuil, L, PK kun ekstereŭropanoj kaj rusoj.

### Germanio.

**Berlin-Karlshorst.** S-ro Erwin Scholz, Dorotheastr. 25, serĉas seriozan korespondadon per L aŭ PI kĉl. pri ĉiu temo, prefere pri sporto, fotografio kaj nia movado. Respondos akurate.

**Erfurt.** S-ro Walter Weber, Gustav-Adolf-Str. 1, PI kaj fotobildoj kun la tuta mondo (ankaŭ kun fraŭlinoj).

**Görlitz.** S-ino Elise Boden, Uferstr. 15, PK, L kĉl.

**Görlitz.** F-ino Martha Gründel, Emmerichstr. 42 a, PK, PI bfl, L kĉl., ĉiam respondos.

**Görlitz.** S-ro Alfred Dittmann, 23-jara ŝtatoficisto, Lutherstr. 16, II, PI bfl, PK, L, fot-aĵojn, gaz. kĉl. Ĉiam respondos.

**Görlitz.** S-ro Gerhard Langner, kontoristo, Del. de UEA, Bahnhofstr. 8, PK, PI bfl, L, PM, esp-aĵojn, gaz., glumarkojn, tuj respondos.

**Görlitz.** S-ro Wilhelm Möhle, kompostisto, Pontestr. 7, III, L, PI bfl kun seriozaj korespondantoj.

**Görlitz.** S-ro Erich Sattler, komercisto, Vicdel. de UEA, Jakobstr. 21, L, PK, PI bfl, PM kĉl., esp-aĵojn, gaz., certe respondas.

**Magdeburg.** S-ro Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Otto-von-Guerickestr. 61, serĉas por siaj ĉirkaŭ 40 lernantoj 12—14-jaraj konvenan korespondadon nur kun negermanoj prefere kun kelkiuj el ekstereŭropaj landoj.

**Mainz.** S-ro Karl Kaiser, Liebfrauenstr. 2, PI bfl. Respondas ĉiam.

### Hispanio.

**Baracaldo.** S-ro Tiburcio Municha, Altos Hornos de Vizcaya, Apartado 116, Bilbao, L, PI, PM kĉl., precipe kun rusoj, pri diversaj temoj.

**Sevilla.** S-ino Angela Jimenez Oliver, Str. Quevedo 11, nur PM kontraŭ sendo de PM, lot-ajoj, revuoj, PI; hispane, france, angle kaj esperante.

**Sevilla.** F-ino Rosa Martinez Huzón, Str. Dona Maria Coronel 36, PM, PI; hispane kaj esperante.

**Sevilla.** F-ino Mary Auban, Str. Sierpes 34, PM nur kontraŭ sendo de PM, PI kaj fotografaĵoj; france, angle, hispane kaj esperante.

**Sevilla.** S-ro Natalio Perianes, Str. Patio Nuevo, Barriada San Jerónimo, PI kĉl.

### Hungario.

**Budapest I.** S-ro Lajos Totsche, junulo, Vérmezö-ut 16, III, 24, L pri literaturaj temoj france aŭ germane.

### Japanio.

**Tokio.** S-ro Mizutani, ĉe Rjokuĵin-Ŝa., P. O. Kesto N-ro 14, Kamata, PI bil unuloje 5—10 kĉl.

### Pollando.

**Katowice.** S-ro Wilhelm Soltysek, ul. Zabrska 12, PI kĉl., respondas certe.

**Lwów.** S-ro W. Pawluk, pl. Dabrowskiego 8, PI, PM kĉl.

**Lwów.** S-ro M. Urban, Sodowa 6, I p., PI, PM 200—500 p. kĉl.

**Lwów.** S-ro H. Nový, Kottataja 8, II p., PI, PM 150—500 p. kĉl.

**Lwów.** F-ino Helena Hempel, Lyczakowska 46, nur kun ekstereŭropaj kolektantoj de papilioj, kiuj deziras akiri la eŭropajn papiliojn.

### Rumanio.

**Telu.** F-ino Manci Gyarmazhy, nur kun fraŭloj, ŝi estas 17-jara hungarino.

### Saarteritorio.

**Engelfangen.** S-ro L. Luckenbill, Del. de UEA, PI, PM kĉl. laŭ mankolisto katalogoj Michel 1926, Zumstein 1925.

### Sudslavio.

**Subotica.** S-ro Imre Beck, Vilsonova 1, PI el Norvegio, Portugalio, Albanio, Turkio kaj Afriko. Ĉiama respondo certigata.

### Usono.

**Flint (Mich.).** F-ino Caroline E. Windeler, 621 East 5 th Street, PI kĉl.

**Flint (Mich.).** S-ro Fred W. Springer, 212 East 13 th Street, PI kĉl., L pri eksportado.

**Moundsville (West Virginia).** S-ro Herbert M. Scott, redaktoro de „Amerika Esperantisto“, PM prefere kun ekstereŭropanoj aŭ multhavuloj. Ne sendas unue. Rekomendigu.

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

**Al geinstruistoj ĉiulandaj.** La interŝanĝado estas forta interesigilo por geinfanoj kaj plenaĝuloj. Kiuj do volas interŝanĝi specimenojn de infanverkaĵoj (skribaĵoj, desegnaĵoj ktp.) verkitaj en lernejoj? W. J. Downes, Tonbridge, Kent (Anglujo).

**Almanako esperanta.** S-ro A. Prager, Moskvo, U. S. S. R., Box 605, malnova esperantisto (de 28 jaroj), petas ĉiujn pionirojn de esperantismo sendi adresojn por eldono de almanako. Fotoportretoj estas petataj.

**Birdkulturistoj** (gekokoj ktp.), precipe danaj, anglaj kaj amerikaj, estas petataj korespondadi kun Tutruslanda Societo de Birdedukado kaj Agrikulturado. Adr. S-ino Olga Prager, kasistino de filio en Saltikovska-Daĉnaja, U.S.S.R., Oktobra str. 63.

**Ekspozicioj kaj kolektoj** de esperantaĵoj. Senpage ni sendas unu kilogramon da malnovaj gazetoj, broŝuroj, libretoj, por propagandistoj kiuj volas pagi la sendelspezojn: 2 svisaj frankoj. Skribu al: Arkivo de UEA, 12 Boulevard du Théâtre, Genève, Svislando.

**Eldonantoj kaj aŭtoroj,** bonvolu noti, ke la Universala Esperanto-Biblioteko, fondita de Hector Hodler, kiu enhavas 5000 librojn, broŝurojn kaj jarkolektojn, akceptas ĉiujn verkojn en kaj pri Esperanto, en kaj pri Ido, Volapük kaj ĉiuj mondlingvoj. La biblioteko zorge gardas kaj klasigas ĉiujn presaĵojn, kaj okazas, ke la aŭtoro serĉas ĉe tiu librogardejo siajn proprajn verkojn, netroveblajn aliloke. Novaj kaj malnovaj verkoj, eĉ jam konataj, estas akceptataj, ĉar la biblioteko superfluajn ekzemplerojn sendas al publikaj naciaj legejoj, aŭ disdonas por la propagando. Granda bibliografia kaj biografia katalogo de nia literaturo estas en preparo; do ĉiu verkinto, tradukinto bonvole sendu sian biografion kaj nomon de siaj verkoj, artikoloj, manuskriptoj. Eminentaj samideanoj vizitas kaj uzas la bibliotekon, en kiu ĉiu slipo manskribita estas retrovebla. Sendu ĉion al: Biblioteko ĉe UEA, 12 Boulevard du Théâtre, Genève, Svislando.

**Filatelistoj atentu!** Aŭtune 1926 mi eldonos la unuan „Adresaron de tutmondaj filatelistoj“. Ĉiuj esperantistoj kaj neesperantistoj bonvolu sendi siajn detalajn adresojn kun konvenaj deziroj ĝis fino de Aŭgusto. Filateliaj firmoj kaj asocioj antaŭpagas por anonceto dekvorta unu svisan frankon. Por difini la eldonon ĉiu bonvolu deklari, ĉu li aĉetos adresaron (prezo ĉirkaŭ 1—2 sv. fr.). Mendojn kaj adresojn akceptas senpage prof. Miecz. Sygnarski, Bydgoszcz, ul. Kordeckiego 19, Pol.

**Franca lingvo.** Juna studentino el bona familio volas perfektiĝi en angla aŭ germana konversacio dum somera libertempo de 15 Julio ĝis 15 Oktobro. Tial ŝi serĉas konvenan hejmon, en Anglujo aŭ Germanio, kie ŝi povus havi pensionon por kiu interŝanĝe ŝi donus lecionojn de franca lingvo, stenografio, librotenado ktp. Seriozaj rekomendoj estas haveblaj. Samideanoj estas petataj helpi al ŝi por trovi tian familion. Skribu tuj al: M-me T. Gorobzof, 2 rue Micheli-du-Crest, Genève, Svislando.

**Komerca kunlaborado.** Mi serĉas en ĉiu lando, prefere neeŭropaj, korespondistojn por akiro (interŝanĝado) de adresoj, speciale komercistoj (importistoj de ludiloj, lerniloj, vitraĵinstrumentoj kaj aliaj hejmindustriaĵoj de Thüringen. Kompenso laŭ interkonsento. Skribu al Bernhard Petz, Coburg, Germanio, Bahnhofstr. 33.

**Komercistoj, fabrikantoj!** Juna samideano, abituriento de la komerca akademio, kun 13-monata praktiko, serĉas okupadon en komerca, industria aŭ agrikultura entrepreno por perfektiĝi en angla, franca, germana, serbokroata kaj pola lingvoj. Li tre volonte ĉion laborus. Skribu al: S-ro Ant. Veleba, Blatnice, p. Jaroměřice n. Rok., Ĉeĥoslovakio.

**Lingvostudoj.** Nova lingva verketo de P. Stojan „Principoj de Esperanto“ estas presata en la „Kataluna Esperantisto“ komence de januaro 1926. Jarabono 6 sv. fr. aŭ egalvaloro. „Kataluna Esperantisto“, Carrer València 245, Barcelona.

**Malnovaj numeroj de „Esperanto“.** Mi bezonas numerojn 1—10, 12—28, 31, 44, 48, 50, 68, 141, 146—148, 173, 174, 176, 178—184, 193, 194, 222, 223, 227, 233, 248 kontraŭ aliaj malnovaj numeroj de „Esperanto“, „Esperanto Triumfonta“, PM de Latvio, PI aŭ io alia dezirata. S-ro T. Indra, Pk. 475, Riga, Latvio.

**Malsana** homo 35-jara suferas pro fortaj doloroj en la koro kaj nervoj. Li petas konsilojn pri ia kuracado kiu liberigas lin de la suferoj. Elspezoj rekompencotaj. Skribu al: Djuro Sabol, Sremska ul. 1, Sremska Mitrovica, Serbio.

**Pensionulo.** Instruisto serĉas lernantojn el transmara familio, kiuj volas viziti germanan gimnazion aŭ alian bonan lernejon kiel pensionuloj. Bona akcepto certigata. S-ro Schüppel, mezlerneja instruisto, Friedrich-Franz-Str. 41, Parchim (Germanio, Mecklenburg).

**Pola-anglan vortaron** volas aĉeti S-ro W. L. Watermann, 26 Henley Str., Torrensville, South Australia. Proponu prezon kun informoj pri la vortaro, ĝia amplekso, dato k. c.

**Poŝtmarkojn** de la estinta Aŭstrio kaj Ĉeĥoslovakio kaj aliajn, ankaŭ PI de urboj interŝanĝas Antonín Franěk, okulta mediumo, Písek, Pražská 166 (Ĉeĥoslovakio).




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Honora Prezidanto: ED. STETTLER; Prezidanto: D-ro EDMOND PRIVAT
Vicprezidanto: W. M. PAGE: Direktoro: HANS JAKOB
CENTRA OFICEJO: 12, Boulevard du Théâtre, GENÈVE (Svislando)

KONTOJ:
Poŝta Ĉeko I 2310
Société de Banque Suisse
Schweizerischer Bankverein

Telegrafa Adreso:
ESPERANTO, GENÈVE

KODO INTERNACIA
„LUGAGNE"
TELEFONO STAND 336
☆

Genève, Junio 1926.

Al niaj bonvolaj Delegitoj kaj kunlaborantoj!

Turisma Servo de UEA

Tre estimataj samideanoj,

Kun la Oficiala Bulteno N-ro 16 elirinta dum monato Marto ni dissendis respondilon pri la Turisma Servo. Jam kelkcentoj da Delegitoj respondis kaj vidiĝas, ke pluraj Delegitoj jam klopodis pri tiu ĉi servo. Ni memorigas tie ĉi kelkajn detalojn kaj tre rekomendas al ĉiuj bonvoluloj klopodantaj pri eldono de gvidfolio, zorge atenti tiujn detalojn.

Eldono: La eldono de gvidfolioj prefere estu sub la aŭspicio de organizajo akcelanta la vigligon de turismo kaj de UEA. La Centra Oficejo de UEA se necese ŝarĝas sin pri la presado; prefere la gvidfolioj estu presataj en la devenlando mem. La koston de traduko kaj presado devas pagi la turisma organizajo.

Oferto: La Delegito de UEA proponu letere la faradon de gvidfolio al la turisma organizajo. Por la traduko de la gvidfolio la Delegito mem fiksu sumon, kiu korespondas al la lokaj kondiĉoj, aŭ se li estas preta fari ĝin senpage, li tion anoncu.

Presado: Antaŭ preso la Centra Oficejo deziras ricevi presprovon por laŭorda registrado kaj konstati la uniformecon de la presajoj.

Disdono: UEA senpage disdonas 2000 ekzemplerojn sendotajn de la eldonanto al la Centra Oficejo de UEA. Ĝi disdonas kontraŭ pago de la elspezoj pliajn ekzemplerojn al la Delegitoj, al ĉiuj membroj kaj organizajoj esperantistaj laŭ speciala deziro.

Ni informas, ke aperis ĝis nun la jenaj gvidfolioj (dua serio): Genève, Dobŝina, Stettin, Thiers. Ekster la serio: Vaison, Wiesbaden, Locarno, Bratislava. Al la Delegitoj intencantaj klopodi serioze ni volonte sendos necesan materialon.

Kun samideana saluto

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
Turisma Servo

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N